# ESPERANTO

**Internacia Revuo, eldonata de la Universala Esperanto-Asocio**

**Fondinto : H. Hodler.†**
**Redaktoro : Robert Kreuz, L.K.**

**Redakcio : I, Tour de l'Ile, GENÈVE, Svislando**

# SEVILJO

## La «Giralda» kaj la Katedralo

*Seviljo... Andaluzio... La « Giralda »... Mil impresoj pri civilizacio araba-maŭra! Golan, kristanan spiriton manifestas majeste la Katedralo, plej mirinda konstruaĵo de l'Kristanismo. Reĝoj estas entombigitaj en ĝi kaj Kolumbo ripozas tie. Ho, Seviljo, urbo de l'mozaikoj, de l'mirĝardenoj, de famaj procesioj, scenejo de « Karmen » ! — En la moderna trafiko Seviljo estas turisma centro, interliga punkto de la transoceana aerveturo.*

**ENHAVO:**

Oficiala informilo :
- Jarlibro 1935 (Suplemento al 1934) .................... 2
- Ĉefdelegiteco Aŭstrio ...... 2
- Donaco al UEA ............ 2

Adresaro :
- Novaj lokoj kun delegitoj.... 2
- Eksiĝoj kaj forstrekoj ....... 2

Niaj mortintoj ..............
Kiel varbi la maristojn ?...... 3
La terglobo kiel ordiganta horloĝo 4
Al Zamenhof ................ 5
La profetaĵo ................ 5
Hispana popolmuziko ........ 6
28-a Univ. Kongreso, Vieno.... 7
Universala Esperanto-Asocio (Ekstera Laboro 1934-35) .... 10
Profesoro Charles Richet † .... 13
Bibliografia Servo de UEA..... 13
Tra la Libraro ............ 13
Humoro de l'mondo .......... 15
Internacia korespondado ..... 15
Anoncoj .................. 15

**31-a Jaro N° 424**

**DECEMBRO 1935**



# Universala Esperanto-Asocio




Centra Oficejo :
1, Tour de l'Ile, GENÈVE, Svisl.

## Oficiala Informilo

28-a Administra Jaro 1935/36
N-ro 2 — Decembro 1935


*Jarlibro 1935 (Suplemento al 1934)*

Kiam ĉi tiun numero atingas la legantojn de Esperanto, ĉiuj membroj aktivaj de UEA en 1935 estas ricevintaj fine la jarlibron 1935 de UEA. Nur atentigante pri ĝia antaŭparolo, ni esperas pri bonvola akcepto de tiu verkaĵo, kiu en la ĵus pasinta kriza jaro kaŭzis al ni tiom da zorgoj. Ni deziras danki tie ĉi al ĉiuj fideluloj, kiuj, komprenante la situacion, atendis pacience ĝian elvenon.

*Ĉefdelegiteco Aŭstrio.*

Pro malbona funkciado, la tuta teritorio Aŭstrio estas novorganizata por 1936. La ĝisnuna ĉefdelegito S-ro Bernfeld-Vieno eksiĝis. AEA, interkonsente kun ni, provizore transdonis la aferojn al S-ro. G. Weber, konstanta helpanto de la Internacia Esperanto-Muzeo. Ĉiuj skribaĵoj estas nun adresotaj al « *Ĉefdelegito de UEA por Aŭstrio (Esperanto-Muzeo) Neue Burg, Wien I.* ».

Kotizpagoj estas farotaj ĝis plue al poŝtŝparkasa konto D 123.836 (Aŭstria Esperantisto), kun konforma indiko sur la kupono.

*Donaco al UEA.*

Je la nomo de la « Société neuchateloise de Réforme Ortografique » (Neuchâtel-a Societo por reformo de ortografio), dum likvido, ĝia komitato, konsistanta al S-roj. Raoul Steiner, profesoro en la Gimnazio de la Chaux-de-Fonds, Adolphe Blaser, profesoro en la Universitato de Lausanne, kaj Edouard Ducommun, instruisto en Les Brenets (Svisl.) decidis donaci al UEA Sv. Frk. 308. —

Ni deziras esprimi nian plej sincerajn dankon kaj rekonon pro tiu ĉi bonvola gesto.

Robert KREUZ, Direktoro.

### ADRESARO : NOVAJ LOKOJ KUN DELEGITOJ

**Belgujo**

*Nieuwpoort.* — VD : Oscar Berteloot, Fervojoficisto Nijverheidstr. 7.

**Britujo**

*Jedburg* (Roxburgshire). — D : I. Anderson, Ferniehirst Castle.
*Johnstone* (Renfrewshire). — D : N. Wyllie, 4 Thornside Road.
*Nr. Roterham* (Yorks.). — D : E. Gardiner, 49, Goodwin Ave., Rawmarsh.

**Hispanujo**

*Callosa de Ensarria.* — D : Vic. Perles Moncho.

**Palestino**

*Bethlehem.* — D : Joseph Kh. Anastas, Ĉarpentisto.

### EKSIĜOJ KAJ FORSTREKOJ :

*Britujo :* Alton, Dundee, Southend-on-Sea, Saltcoats, Colwyn Bay, Folkestone, VD ; Harrow, Liverpool, D ; Northampton.
*Ĉeĥoslovakio :* Cachtice u Nov. Mesta n-Vâhon.
*Germanujo :* Leipzig.
*Hispanujo :* Tarragona (VD).
*Irano :* Tabriz.
*Japanujo :* Obihiro.
*Nederlando :* 's Gravenhage (VD), Scheveningen.

### ŜANĜOJ :

Anstataŭ la ĝisnuna delegito funkcias :
*London, W. 12.* — FD : M. E. Chilton, 1, Gordon Court Du Cane Road
*Motherwell.* — D : P. Weir, 125, Orbiston Street.
*'s Gravenhage.* — D : J. Ravestein, jr. Pomonalaan 55.
*Rotterdam.* — D : P. Huisman, Essenburgsingel 97A.
*Hilversum.* — D : F-ino E. Steinmeijer, Boomberglaan 15 A.
*Hilversum.* — VD : Annie Hellinx, Van Oldenbarneveltlaan 25.

**Niaj mortintoj**

S-ro M. Modoo, Haarlem (novembro 1935).
R. I. P.


**Vi gajnos altan makleron !**
**Varbu anoncojn por " Esperanto ".**
**Skribu tuj al la C.O. de UEA.**






# Trezoroj de la sveda literaturo

**Vi trovos ilin en la grandioza Verko**

**SVEDA ANTOLOGIO**

Parto I-a (1880-1920)

50 kunlaborantoj: 432 paĝoj.

Multajn laŭdojn ricevis Sveda Antologio. Tie ĉi nur kelkaj specimenoj :

*La kontrolisto de la Akademio, s-ro Boucon, raportas jene:* «... Senerare presita sur luksa papero kaj elegante redaktita en pura Zamenhofa stilo. la Sveda Antologio brilos en la unua vico de nia Esperanta libraro... ».

«... ĉi tiu bela libro devas esti en la manoj de ĉiu samideano. kiu deziras koni la vivon en la nordo, kaj ankaŭ en la manoj de ĉiu propagandisto, kiu volas pruvi al la publiko, ke Esperanto estas utila kaj grava lingvo ».

*(La Praktiko).*

Preso en svisaj frankoj : Broŝ. 8.50, bele bind. 10.—, (afrankite).

Pagu per bankĉeko aŭ al nia poŝtĉeka konto Stockholm 578.

Eld. Soc. Esperanto, Fako 698, Stockholm 1. Svedujo.

**Havebla pere de la Libroservo de UEA, 1, Tour de l'Ile, Genève**

# KIEL VARBI LA MARISTOJN ?

Ĉiufoje, kiam fremdlanda samideano vizitas Esp. grupon, la grupanoj ĝoje dankas la favoran hazardon pro tia efika propagando. — Ni verdire havas nur maloftajn okazojn renkonti alilandulojn por uzi nian komunan helplingvon. La maristoj vojaĝas ĉie. Ili estas el ĉiuj homoj certege tiuj, al kiuj la kono de Esperanto faras la plej grandajn servojn. Ili vivas plejparte for de siaj hejmoj en landoj, kie ili ŝajnas kvazaŭ surdmutuloj, ĉar ilia tre limigita vortprovizo ne sufiĉas — eĉ lingvaĉe aŭ balbute — al esprimo de ĉiutagaj demandoj.

Ekzistas nun krozad-ŝipoj, kiuj regule ĉirkaŭiras la terglobon. Dum tri- au kvarmonata marveturo ili haltas en 30 landoj. Kiajn lingvaj talentojn la ŝipistoj devus posedi. Ili simple forigas la malhelpojn... per gesta esprimado. Sed tio ne solvas la interkomprenigan problemon.

Tial la MARISTA LIGO ESPERANTISTA celas antaŭ ĉio al diskonigo de Esperanto en la maraj sferoj. Kiam la esperantistoj-ŝipistoj aŭ pasaĝeroj kutimos viziti la havenurbajn grupojn, ni konstatos ĝeneralan vigligon de intereso pri Esperanto. La maristoj fariĝos vivanta reklamo por Esperanto en ĉia rilato, ĉu navigacia, ĉu por la ĝenerala movado. Plie ili baldaŭ sentos sin ne kiel fremduloj, sed hejme en ĉiuj landoj. Antaŭe ili neniam revis pri tia mirindaĵo t.e. : ke tiom da malsamaj nacianoj povas paroli kune en unu lingvo, ĉie sambone komprenata de ĉiuj.

Depost la Kembriĝa Kongreso la ŝato de la kongresanoj pri ŝipekskursoj pligrandiĝis : en 1908, ili komence traveturis la skotajn lagojn per vaporŝipeto ; en 1934 ili amasiĝis sur nederlanda ŝipo por tramare atingi la svedan ĉefurbon kaj ĉi-jare ili grandnombre enŝipiĝis en la « SINAIA- » sub la esperanto-flago por la kongresa krozado. Ili spertis la strangan vivon de la maristoj. Ili lernis, kiel oni ŝipiras, oni manovras, oni korespondas per flagoj ; fakte la flagsignaloj estis la unua rimedo de reciproka kompreniĝo inter diverslandaj ŝipistoj, elpensita antaŭ 70 jaroj. Se la kongresanoj ne fariĝis maristoj dum naŭtaga marvojaĝo, ni supozas, ke la krozado surŝipe almenaŭ vekis ĉe ili atenton pri ŝipaferoj, precipe pri mar-turismo. Tiurilate la konstanta falo de la angla kaj usona valutoj maloftigis la britan kaj usonon turistan klientaron. La ŝipkompanioj serĉis kontinentajn turistojn kaj aliigis la luksajn ŝipojn, kreinte nur turistklasajn ŝipojn. Ili reklam-anoncis siajn krozad-programojn en Esperanto.

Historie la MARISTA ESPERANTISTA LIGO fondiĝis en 1908. Tiam ekzistis nur la Franca sekcio kun dekduo da korespondantoj alilande. Ni, maristoj, ŝuldas al niaj antaŭuloj la eldonon de la mara vortaro kaj la decidon de la Kataluna Esp. Federacio, kiu starigis Havenan Komisionon, kies celo estis « propagandi Esperanton inter la maristoj ĉe la fremdaj ŝipoj, kiuj vizitas Barcelonon ». Kial ili preterlasis siajn proprajn ŝipojn ? Nuntempe nia liganaro spertas ĉiutage, ke oni pli profite laboras inter samlandanoj. Jen kial ni prefere kreas naciajn sekciojn.

Poste dum la itala kongreso en Bari (1925), kelkaj triestaj maroficiroj kaj Admiralo Alesio aprobis provon de "Universala Marista Esp Unio », sed la Marista Ligo nur estis restarigata en 1934 en Stokholmo ; oni elektis M. Rollet de l'Isle kiel Honoran Prezidanton.

Unue la gvidantaro de M. L. E. serĉis la marveturantajn esperantistojn surŝipe kaj la samideanojn surtere, kiuj havis profesion pli malpli rilata al la navigacio, ĉu mara, ĉu rivera, al la ŝipkonstruado, al la marturismo.

Post dumjara esploro ni foje malkovras izolajn samideanojn, kiuj memimpulse tuj enviciĝas en nia tutmondan liganaron. Ĉar ni ne povis instigi la nove varbitojn viziti Esp. Klubojn antaŭ ol ni certe sciis, ke ili estos bone akceptataj en la havenurbaj grupoj, ni cirkulere petis la landajn Esp. Societojn zorgi pri tiu ĉi demando en la havenoj. Bedaŭrinde la respondoj alvenas malkompletaj. Tiu ĉi situacio prokrastigas nian intencitan preson de listo de havenurbaj delegitoj. Tamen tia listo treege utilus al nia ŝip-propagando. Ni povus indiki almenaŭ 160 marbordajn urbojn en la 5 mondpartoj, kie troviĝas Esp. delegitoj ; tia nombro fortege impresus la varbotojn.

Dank'al la financa partopreno de 4 naciaj Esp. Societoj, kiuj komprenis, ke nia agado kompletigas la sian, la M.L.E. presigis kvarlingvan flugfolion por surŝipa disdono. Niaj liganoj deponas nacilingvajn propagandilojn sur la ŝipoj ; ankaŭ ni vendas lernolibrojn kaj ŝlosilojn al la maristoj. Notinde estas, ke la Britoj aĉetas pli da esperantaĵoj ol la ceteraj ŝipistoj kune ; oni do ne devas aserti, ke la anglalingvanoj estas principe kontraŭuloj de Esperanto.

Ĝis nun ĉirkaŭe 150 anoj aliĝis al nia MARISTA LIGO ESPERANTISTA : vere kontentiga rezultato, se ni konas la rutinan karakteron de la ŝipistoj. Ni malkaŝe konfesas, ke, ĉar nia membraro ampleksas 30 landojn, la meznombro de niaj anoj en ĉiu lando restas ankoraŭ malalta.

La « Provo de Marista Terminaro » de S-ro Rollet de l'Isle donis teknikan vortaron al la ŝipistoj. Ke tiu-ĉi verko bezonas kompletigon, neniu dubas pri tio. Nia estraro penas trovi diverslingvajn fakulojn por modernigi la fundamentan verkon. Dank'al tiu ĉi fakvortaro, la franca C-ie Transatlantique publikigis luksan broŝuron okaze de la surakvigo de sia ŝipo « Ile de France » en Esperanto. Tiu komenco montris la vojon sekvotan. Poste la Red Star Line en Antverpeno, la Nederlanda Reĝa Llojd, la Triesta ŝipkompanio Cosulich, la nederlanda ŝipkonstruejo Storck presigis esperantajn reklamilojn. Dufoje la Norddeutscher Lloyd, Bremen, eldonis detalan programon de mar-krozadoj en Esperanto.

La direktoro de la Franca Marista Ligo (Ligue Maritime Française) kiu havas 700.000 anojn, volonte konsentis al nia Marista Ligo sian patronecon por nia agado ĉe la diversnacia ŝipanaro.

Krom la propagando ĉe la maristoj (ŝipoj, navigaciaj lernejoj, libraroj de la havenaj hejmripozejoj), nia ligo organizis disdonservon de turismaj broŝuroj, gvidlibroj, flugfolioj (ĉu esperantaj, ĉu nacilingvaj). La disdono efektiviĝas surŝipe. Tiamaniere ni diskonigas al la eksterlando la turismajn riĉaĵojn de kelkaj landoj, kiuj tiucele provizas nian turisma servon per reklamiloj. Ni elmontras tiajn turismajn dokumentojn en la legosalonoj de la pasaĝerŝipoj : britaj, francaj, germanaj, italaj, japanaj, nederlandaj kaj usonaj. Ekzemple ni regule deponas surŝipe la broŝurojn de la fremdultrafikaj Asocioj de Polujo, Finlando, Jugoslavio, Liĥtenstejno kaj de la turisma servo de la ĉeĥoslovaka

fervoja ministerio. Ni restas je la dispono de alinaciaj entreprenoj por samspeca servo tute senpaga[1]. Nun supozu, ke iu ŝipo albordiĝas en 15 au 20 havenoj; se la ŝipanoj ricevas esperantajn propagandilojn en ĉiu haltejo, tiam ili propraokule konstatos ke Esp. estas parolata ĉiuloke kaj ili ekkomprenos ĝian utilecon.

Nia rolo, kiel montrite, estas identa kun la tasko de la ĝenerala movado. Tial niaj maristaj samideanoj konscie rekonas, ke, kiam ni fosas nian oceanan sulkon, ni samtempe helpas la grandan esperantistan tuton.

Kapitano Georges GUESDON,

(K-io de la Suez-Kanalo,)

Del. UEA, Ismailia (Egipt.).

---

# La Terglobo kiel ordiganta horloĝo

Kiam la terglobo unufoje sin turnis ĉirkaŭ sia akso, tiam unu tago foriris. Estas la tergloba turniĝo, kiu formas la bazon de nia tempokalkulado. Pro tio oni povas konsideri la zumantan terglobon kiel grandegan, ordigantan horloĝon. Ĉe ordiganta horloĝo, oni evidente unue kaj precipe povas postuli, ke ĝi iru trafĝuste. Ĉu la terglobo plenumas tian postulon ankaŭ laŭ sekundero ? Ĉe la unua rigardo, la problemo ŝajnas esti nenecesa kaj neutila. Ĉar se la terglobo kiel ordiganta horloĝo malĝuste laboras, je kio oni povas fidi ? Kaj kiamaniere oni cetere povus konstati, ĉu la tergloba reguliganta horloĝo iras ĝuste aŭ neĝuste ? Estas tuj klare, ke oni ne povas tion konstati eĉ pere de la plej bonaj horloĝoj. Ĉiukaze, la terglobo kiel ordiganta horloĝo iras almenaŭ tiel ĝuste, ke kompare kun ĝi, eĉ la plej subtila kaj perfektigita kronometro senfortiĝas.

La supre starigita problemo tamen havas sian utilon. Estas ja evidente, ke la bremsagado, kiun la luno ekzercas je la tergloba korpo, ĉar ĝi en la akvo kaŭzas tajdojn (alfluo kaj refluo) devas post longa tempodaŭrado sumiĝi kaj la konsekvenco necese devas esti, ke la tergloba turniĝo fariĝu pli kaj pli malrapida. Kaj, ĉar la luno ne ĵus komencis sian agadon de giganta mano, ŝraŭbanta la ŝraŭbobremson sur la terglobo, sed plenumas tian agadon tra nekalkuleblaj jarmiloj; estas kompreneble ke post longa tempodaŭrado, la turniĝo de la tero malpliiĝis kaj tiamaniere la tago malplilongiĝis.

Tempoj estis, — sed estas vere, ke ili estas terure longtempe forestintaj ! — kiam niaj tagoj ĉi-tie sur la tero nur enhavis kvin ĝis ses horojn. Tiam estis pli da vivado kaj da farado surtere ol nune. Nuntempe ĉio fariĝas pli kvieta pli serioza. Kaj pli kaj pli kviete fariĝas. Ni parolas pri la vivo de la terglobo mem, ne pri la socia vivo.

Oni kalkulis, ke sole, konsekvence de la akvo-onda bremsagado, niaj tagoj fariĝas pli longaj je unu sekundo... sed estas vere, nur post 100.000 jaroj. Ordigantan horloĝon, kiu post 100.000 jaroj nur perdis unu sekundon, oni facile akordiĝus nomi sufiĉe ekzakta kaj plene uzebla por homaj celoj; kaj se estus nenio alia, la tuta problemo apenaŭ estus diskutinda. Sed ekzistas alia afero, diras la modernaj astronomoj. Estas aliaj faktoroj, kiuj sin miksas ĝenante en la iradon de la granda ordiganta horloĝo.

Kaj tio estas la granda malfacileco, ke dum la agado de la tajdo estas egala, rekta kaj regula, la aliaj ĝenantaj faktoroj ŝajnas enhavi pli kapricoplenan karakteron. Estas ekzemple pruvite ke la tero dum periodoj de nur kelke da jaroj foje iras pli malrapide, alifoje pli rapidas. Kaj tio ne sufiĉas !

Profesoro Benjamin Boss, ĉe la Dudley-a Observatorio en Albany eltrovis ke la turnrapideco de la tero ne nur aliiĝis dum periodoj da malmultaj jaroj, sed ankaŭ estas submetata al ĉiutagaj modifoj. La esploroj de profesoro Boss havis la pluan rezultaton, ke verŝajnas ekzisti ia interrilato inter la neregulaĵoj en la turnirado de la tero kaj la ŝanĝiĝanta abundo de tertremoj. Oni rajtus demandi, kiamaniere oni ja pruvas tiel malgrandajn neregulaĵojn en la termovado ? (Ĉar estas vere, ke la neregulaĵoj estas tiaj).

Jen la respondo al tiu-ĉi demando : Helpe de la trovitaj neakordoj inter la antaŭe kalkulitaj pozicioj de la suno, la luno kaj la planedoj kaj la efektivaj, observitaj pozicioj aŭ sintenadoj en la ĉielo. Ĉu ĉi tiuj neregulaĵoj ne povus esti kaŭzitaj de la propraj movadoj de la suno, de la luno kaj de la planedoj ? Ne, ĉar la neregulaĵoj estas absolute la samaj ĉe la nomitaj ĉielkorpoj, kaj tial oni por ili povas supozi komunan kialon.

Kaj kiel oni serĉus aliajn lokojn, krom nia propra, maljuna patrino, la tero ? Plie, en la plej nova tempo, oni pruvis similan, komunan neakordon ĉe la fiksaj steloj. Tial ne povas esti dube, ke la difekto estas ĉe la tero. Sed nun montriĝas la plej proksima kaj tre interesa demando, kiujn faktorojn oni povus elpensi, kiuj sur la tero havus tian influon, ke ili dum la sama tago povus ŝanĝi la turniĝorapidecon ? Tie-ĉi E. W. Brown, profesoro ĉe la Yale Universitato, montris tiun-ĉi fakton : estas verŝajne pro multaj kialoj, ke la terglobo kun mallonga intertempo, iam iomete mallarĝiĝas, iam iomete relarĝiĝas. Kiam la diametro malplilongiĝas, la tero turniĝas pli malrapide.

La ĉefa kialo kial la tero tiamaniere ŝanĝas preskaŭ ĉiutage sian turniĝan volumenon estas, ke la terkorpo ankaŭ en sia internaĵo estas submetata al la tajd-agado de la luno. Ke ĉiukaze potencaj fortoj agadas en la tera internaĵo; eĉ, se ni ne serĉas la devenon de ĉi-tiuj fortoj, la tertremoj donas nedubeblan pruvon pri tio. Kiam oni opiniis, ke tiuj-ĉi fortoj havas kunrilatojn kun la tajd-agadoj de la luno en la internaĵo de la tero, tiam oni ne opiniis senpripense. La antaŭe nomita profesoro Boss ĉe la Dudley Observatorio intencis ja konstati ekzaktan samtempecon inter la ĉiujaraj neregulaĵoj ĉe la pozicioj de la fiksaj steloj unuflanke kaj la plia aŭ malplia abundo de tertremoj en Japanujo aliflanke. Kaj li en tio trovis tian akordon inter la du fenomenoj, ke ili devas havi komunan devenon. Kiam li prefere elektis Japanujon, li faris tion pro la cirkonstanco, ke la tertremmaterialo tie tre amasiĝis pro la abundo de terskuado. Li kalkulis ne malpli ol 18.279 japanajn tertremojn, kiuj okazis de 1873 ĝis 1899 kaj pli grandaj ĉiujaraj modifoj en la tera turniĝrapideco, sed ankaŭ por la ĉiutage okazantaj neregulaĵoj.

Trad. el la dana :

J. MUYS, Mechelen (Belg.).

---

[1] Interesitoj sin turnu al la Marista Ligo Esperantista, Sro- Holger Ekblad, Villa Skobacka, Kricksund (Svedujo).

# Al Zamenhof

**okaze de lia naskiĝtago la 15 decembro.**

(Laŭ muziko de «Fratoj, manon donu kore» de Mozart)

*Kara festo Zamenhofa,*
*Per plej dolĉa belo strofa,*
*Vin ni gloru kun fervor'.*
*Pro la verda stel' radia,*
*Nia kanto melodia*
*Varme vibru en la kor'.* (bis).

*Vian nomon, ho poeto,*
*Vi vualis pro diskreto,*
*Pro modesto kaj sincer'.*
*Vi, « Doktoro Esperanto »,*
*Sen pretendo kaj sen vanto,*
*Kreis bonon sur la ter'.*

*Al vi gloron, patro kara*
*De la lingvo tuthomara,*
*Bela pro frateca son'.*
*Via nobla idealo*
*Iĝu por ni la realo.*
*Glor' al paco, glor, al Bon'.*

Mad. MEVO.

# LA PROFETAĴO

La lunlumo fluis sur la terason de la kastelo, konstruita en la stilo de Ludoviko la Granda. La ombroriĉa parko etendiĝis vaste ĉirkau la konstruaĵo, neniu venteto ludis en la suproj de la praaĝaj arboj, nur de malproksime aŭdiĝis tute mallaŭte la forta muĝado de la larĝa riverego.

La teraso estis malplena. El la apuda spegulsalono sonis la graciaj, arabeskaj menuetotonoj kaj la arĝenthela ridado de ŝercantaj sinjorinoj, kelkfoje interrompita de la basaj, belsonaj voĉoj de gajaj sinjoroj.

Per du energiaj akordoj finiĝis la dancado kaj nun la vigla moviĝo perlis el la trembrila lumo de la salono en la mildan brileton de la lunonokto. Senarbitre ankaŭ la interparolado plimallaŭtiĝis, kio pliintensigis la ĉarmon de la humoro.

Nun flugadis tra la somernokto kvazaŭ lampiroj tiuj ŝercoj kaj koboldaĵoj, kiujn nur la galanta Rokoko-Francujo kapablis fari en tiaj abundo, delikateco kaj frivoleco. Ĉar la lunlumo ne videbligis la ruĝiĝon sur la vangoj de la sinjorinoj, la sinjoroj permesis al si pli, ol estis eble en la brilo de miloj da kandeloj, kaj la sinjorinoj ankoraŭ kuraĝigis per ĉiuspecaj koboldaĵoj al plua petolado, pri kio la nobeloj en amdeliro tre volonte konsentis.

Jen anoncis servisto grafon, konatan de ĉiuj. En la superŝaŭmanta gajeco oni ne estis aŭdinta la alproksimiĝon de la ĉevalo. Ĝenerala « Ha ! » de ĝojo eksonis. La dommastrino, malgranda, gracia kaj etera kiel pupo kaj bela kiel diino, vokis agrable surprizita : « Li eniru ! — Li ja venas el Parizo!» ŝi nun diris kun voĉo, tremanta pro ekscitiĝo. Kvankam la kastelo estis tre malproksime de la reĝa urbo, tamen oni estis eksciinta ĉi tie kelkion pri la teruraj okazintaĵoj, kiuj tie trafis la facilaniman nobelaron, kiu estis forgesinta sian devon. Sed eĉ la malcerteco de la estonta tempo ne povis rabi de ĉi tiuj homoj la ĝojon pri amuzoj, kaj ĵus komencis la orkestro en la spegulsalono delikatan ammelodion.

Kun polvokovritaj rajdist-botoj kaj neordita vestaro la avizito eniras la societon. Alikaze la sinjorinoj estus teruriĝite ekkriintaj kaj la sinjoroj estus ekkaptintaj la spadotenilon. Sed nun ĉiuj interpremiĝis ĉirkaŭ li kaj atente auskultis kun haltigita spiro.

Per rapidaj vortoj li rakontis pri la kur-atako kontraŭ la malliberejo, pri la furiozo de la fi-popolo kaj pri la danĝera situacio de la reĝa familio. Ne nur en la rezidejo, sed ankaŭ sur la kamparo, tra kiu lin kondukis lia aventura kaj danĝera rajdado, limanta al frenezeco, fluis pli ol sufiĉe blua sango. Ĝis la proksimo de ĉi tiu kastelo ja la ribelo ankoraŭ ne penetris.

La ĉarma am-melodio strange akompanis la rakonton pri la verŝita nobela sango ; la sinjorinoj paliĝis kaj la sulkoj sur la fruntoj de la sinjoroj pliprofundiĝis.

Jen la muziko denove invitis al la danco...

La dom-mastrino prezentis la brakon al la grafo kun la polvokovritaj botoj kaj paro post paro silente starigis sin por la rondodanco. Baldaŭ la unuaj vortoj interflugetis kaj baldaŭ la allogaj sonoj de la flirta melodio helpis al la facilanimeco atingi la venkon. Ree sonis la arĝenthela ridado de belaj sinjorinoj en la silentan somernokton.

Kiam la dolĉa ĉarmo de la tremanta lunlumo denove ĉirkaŭprenis la societon kaj la amuzado iomete interrompiĝis, rakontis iu pri malnova profetaĵo, ke la reĝa familio post malmultaj jaroj formortos. Nun la interparolado estis ricevinta pozitivan direkton kaj baldaŭ ĉiu scipovis rakonti ion pri profetaĵoj, precize realiĝintaj.

Juna nobelo ne estis konvinkebla pri tio, kaj kiam ĉarma sinjorino demandis lin, ĉu do neniam en lia vivo oni profetis ion al li, li eksplode diris : « Tamen ! »

Ĥore oni vokis : « Rakontu ! »

« Volonte ! » diris la juna viro ĝentile riverencante antaŭ la sinjorinoj.

« Estis, kiam mi unuan fojon trinkis amon de la lipoj de juna edzino ».

Kelkaj sinjorinoj ekĝemis preskaŭ neaŭdeble, verŝajne ili volis malebligi, ke tiu unu sinjorino perfidu sin per sia sola ĝemo.

« Estis ĉe la bordo de la riverego, kiu kvazaŭ larĝa arĝentrubando tie mallaŭte muĝante fluas tra la pejzaĝo. Ni estis hejmen irantaj, kiam subite ciganino kiel hundo altrudis sin al ni kaj almozpetante etendis siajn manojn al la niaj. ŝi petis nin, ke ni permesu al ŝi aŭguri al ni. Mia sinjorino tute ne volis allasi tion. Por ke ni foririgu la maljunan virinaĉon, mi prezentis al ŝi la dekstran manon. Mi forgesis la plejmulton de tio, kion ŝi babilis. Sed unu restis en mia memoro.

« Kaj tio estis ? » demandis kelkaj voĉoj.

« Mi ne postvivos mian tridekan naskiĝtagon ! »

« Ho ! » ekvokis kelkaj sinjorinoj mallaŭte kaj timeme.

Post mallonga paŭzo aŭdiĝis iu voĉo : « Kaj ĉu tiu tago jam pasis ? »

Malrapide kvazaŭ martelbatoj falis la vortoj: «Ĝi estos... morgaŭ... nur unu horo ankoraŭ... disigas min... de ĝi... »

Jen leviĝis la dom-mastro, svingis alten sian ĉampanglason kaj vokis : « Kiom ĉarme, ke ni povas okaze de tiu

ĉi ĝojiga tago tosti al la sano de nia kara amiko ! Gesinjoroj, mi petas, levu la glasojn ! »

Mallaŭta murmurado kaj grumblado, kiu malrapide alproksimiĝis, estiĝis tiom laŭta, ke ĝi atentigis la societon.

La glasojn kun la perlanta trinkaĵo en la manoj, ili kiel marmoraj statuoj aŭskultis en la nokton.

Pli kaj pli laŭte fariĝis la bruo kaj pli kaj pli ĝi proksimiĝis. La melodio de tiu kanto pri libereco, kies entuziasmiga ĉarmo konserviĝis ĝis la hodiaŭa tago, baldaŭ superis la tumulton, kaj super tio disvastiĝis la krioj de vinebriaj kunuloj... libereco... egaleco... frateco...

Kiel unua ekmoviĝis tiu juna sinjoro, al kiu oni ĵus volis tosti. Kun alten levita glaso li paŝis antaŭen ĝis la ŝtona balustrado. Jen eksonis pafo kaj frakasis la glason en lia mano. Kaj ree ekfulmis kaj la juna sinjoro senlaŭte falis morta teren...

Sed la cetera societo rapide diskuris ĉiuflanken kiel eroj de krevinta sapveziko... August EIGNER, Vieno.

# HISPANA POPOLMUZIKO

En la numero 419 de « Esperanto », Mad. Mevo, verkinte tre interesan artikolon pri muziko kaj folkloro, alvokas ĉiunaciajn verkistojn kaj amatorojn pri pli kompleta studo. Plezure mi skribas hodiaŭ pri hispana popolmuziko.

Kiam oni malmulte konas landon, oni prenas el ĝi unu tipon — eble la plej karakterizan ; eble, pro speciala cirkonstanco, ian ne tre ĝeneralan — kiun oni konsideras « nacia tipo ». Tial, oni prenis el Hispanujo la tipon andaluzian. Tiel la vestoj, la moroj, la tipoj, la muziko, la dancoj, eĉ la klimato andaluziaj estas konsiderataj de multaj fremdlandanoj kiel la « esence hispanaj ». Tamen, Andaluzio ampleksas nur 8 provincojn, el la 50, el kiu konsistas la nuna hispana respubliko. Se oni povus citi « tipan hispanan karakteron » ĝi estus varieco. Varieco tiel granda kiel ĝiaj klimatoj, entenantaj el la ĉiamaj neĝoj de l'Pireneoj kaj de l'Sierra Nevada ĝis la palmarbaro de Elche kaj la sukerkanejoj de Motril.

Mi devas averti la leganton, ke la administracia divido en 50 provincojn ne akordiĝas kun la geografia au natura dispartiĝo ; tial, en unu provinco estas foje du aŭ pli malsamaj regionoj (ekzemple Navaro enhavas nordan baskan regionon, kaj sudan kvazaŭ aragonan). Kontraŭe, natura regiono ampleksas kelkajn provincojn (Baskolando ampleksas, krom parto en Francujo, tri povincojn kompletajn kaj duonon de Navaro.

Ni ekvojaĝu do. Supoze ni elŝipigu en la plej norda parto en Hispanujo, nome Galicio. Ĝia nomo havas parencojn en Polujo (Galicio), en Azio (Galio) kaj en Kimrujo (Galles aŭ Wales) — Ĉu estas pro tiu komuna deveno, ke la regiona muzikilo « gaita » havas ankaŭ parencojn en la nomitaj landoj ? Mi ja konis la skotan « pipe » (Sakfajfilo) sed mi miris, antaŭ jaroj, vidante sur ĉeĥoslovaka poŝtkarto de korespondanto, sakludiston kun instrumento kiel la galicia ; nur la « gaita » posedas unu blovtrumpeton, kaj la ĉeĥa du.

En Galicio kiel en Asturio kaj Baskolando, tio estas en la tuta norda marbordo, nia fremda kunvojaĝanto rezignu je sunheleco, bruemaj homoj, rapidaj voluptaj dancoj. La ĉielo, preskaŭ ĉiam griza, la vetero preskaŭ ĉiam pluva, la tero ĉiam verda, invadas la loĝantojn per ne venkebla melankolio ; ili estas trankvile laboremaj, superstiĉe revemaj. En Galicio ekzistas la danco « Muineira » — en kiu kelkaj kritikistoj trovas antikvan grekan ritmon — kaj multaj kantoj pri kamplaboroj. Oriente, en Asturio, per samaj muzikiloj, la tre antikva « danza prima » regas ankoraŭ.

Tra la Santander-provinco (Vidu samnoman broŝuron) oni alvenas en la baskan landon de mistera popolo, de nekonata deveno, sen lingve parenca gento. Tie la muzikiloj estas ankaŭ malsamaj ; ekzistas la « txistu » (fajfblovilo) kaj tamburo. La dancoj kaj muzikaĵoj estas tre diversaj.

Tra Navaro transira lando, nordokcidente baska, sudoriente aragona, oni alvenas en Aragonon. Tie ĉi, la ĉefa, la nura danco estas la « jota » (elparolu ĥota). Ĝi sajnas tre nova, ĝi estas rapida 3-4 takta, iom simila al valso ; la dua tempo, melodia kaj malrapida taŭgas, por la kantaĵo, kvarversa strofo « copla » (elp. kopla »). Oni dancas la « jota » duope, per viglaj saltetoj kaj pro tio ĝi multe similas al la andaluziaj dancoj.

La « jota » multe disvastiĝis : ĥodiaŭ ĝi estas kantata kaj ludata el Santander ĝis Murcia, tio estas, en granda parto de ambaŭ Kastilio, Navaro, Riojo, Aragono, Valencio. Ja kantaĵo asertas, ke ĝi devenas el Valencio :

*« Jota » naskiĝis en Valencio,*
*El tie venis al Aragon',*
*Calatayudo ĝia lulilo*
*estis, ĉeborde river' Jalon'.*

Tamen, aliaj certigas ke ĝi estas de araba deveno. La «jota» de Aragono, Valencio, Riojo, Navaro k.c. iom malsimilas reciproke. Muzikiloj por tiu danco estas gitaro kaj « bandurria » speco de gitaro, sed aldo-sona.

Katalunujo posedas tipan dancon, multope dancata, rondirante. Oni diras, ke ĝi estas de greka origino, ke ĝi datumas de la Mezmara greka koloniigado. Katalunoj vidis en ĝi simbolon de nacieco, kaj tial multe oni ĝin reguligis kaj ordigis. Se ĝi estas devene pragreka, ĝi estas organize deknaŭjarcenta. La muzikistaro estas la « cobla ».

La Seguidilla » karakteriza danco, eble nur de la 18 jarcento, etendiĝis el Murcio tra la Manĉo (Mancha) ĝis Madrido. Ankaŭ 3-4 ritma, sed estas tre malsama al « jota » laŭ ritmo kaj poezio. Ĝia kantaĵo konsistas el sep versoj, tri el ili estas sepsilabaj kaj la kvar aliaj kvinsilabaj, laŭskeme intermiksitaj. La legantoj povas vidi tiun strofon en kelkaj esperantaj poezioj de hispanaj aŭtoroj, ekzemple en « Mia poezio ».

Estas en Murcio tre belaj kaj tre karakterizaj dancoj.

Ni fine venas en Andaluzion, kies kantojn kaj dancojn, de la alinacianoj pli konatajn ol aliaj hispanaj kantoj, oni povas klasigi en du branĉojn : la : canto jondo » — (seguiriya, polo, soleares) kaj la « canto flamenco » (bolero, seguidilla). Luliloj de « canto jondo » estas Cadiz kaj Serez, en malalta Andaluzio. Tiu kanto estas devene orienta ; ĝin alportis preskaŭ certe, la ciganoj, tre multenombraj en tiu regiono. La gamo, la dispartigo de duontono en malgrandajn pecojn estas karakterizaj. Ĝi, kiel dirite, estas bone konata en ĉiu lando, ĉar radio kaj gramofondiskoj multe ĝin disvastigis.

La « canto flamenco » estas simila al la centrohispana.

Ankaŭ populariĝis en Andaluzio, pro la mara trafiko, multaj Centr-amerikaj kantaĵoj, kiel « habanera » kaj la mondfama kaj mondkonata « tango », kiu, siavice estas Afrika danco, alportita al Ameriko, de la nigraj sklavoj.

Mi nur skize pritraktis tiun ĉi interesan temon. Sed per ĉi tiu artikolo, la legantaro povos ekkompreni la veran mozaikon de kantoj kaj dancoj, entenataj en la teritorio de la ĉarma iberia duoninsulo.

HIRUNDINO.

XXVIII-UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO EN WIEN 1936
8-15. (5-18) AŬGUSTO.





XII-A SOMERA UNIVERSITATO
„KULTURAJ KAJ EKONOMIAJ PROBLEMOJ DE MEZ-EŬROPO"
INTERN. KONFERENCO DE VIRINOJ
VOJAĜO „TRA AŬSTRIO'
SALZBURG - WIEN - SEMMERING - GROSSGLOCKNER - SALZBURG
ĈARMAJ URBOJ - NEĜKOVRITAJ MONTOJ - BLUAJ ALPOLAGOJ - DANUBO
FESTARANĜOJ
KOSTUMBALO: „LA KONGRESO DANCAS'
OPERETO: „LA BLANKA ĈEVALETO'
KONGRESEJO: LA FESTSALONEGOJ DE IMPERIESTRA KASTELO „HOFBURG'
ADRESO: ESPERANTO-KONGRESO-WIEN-NEUE BURG.

VIENO 1936

### Tra Aŭstrio

Ĉu vi konas la landon, kiu invitas vin al la XXVIII-a Univ. Kongreso de Esperanto en 1936 ?

Multaj el vi certe jam estis iam en Aŭstrio kaj Vieno kaj pensas, ke ili jam konas la landon kaj ties ĉefurbon. Nur parteton vi vidis, nur ideon vi havas pri la belaĵoj de Aŭstrio kaj nur imagon vi povas havi pri ties gastama, ceremonia loĝantaro, ties kutimoj, kostumoj, kantoj !

Tial ni decidiĝis — en konsento kaj sub la aŭspicioj de UEA — prepari al niaj kongres-gastoj maloftan ĝuon — montri al ili dum nur 7 tagoj (antaŭ kaj post la kongreso) ma'multekoste belegajn urbojn, ĉarmajn lokojn, neĝkovritajn altosuprojn de Alpoj (atingeblaj per kablo- kaj dentradfervojoj), pitoreskajn valojn (tramurmurataj de arĝentklaraj riveretoj), smeraldo-verdajn lagojn, romantikajn roko-scenaĵojn, densajn arbarojn, fruktoriĉajn kampojn kaj vinĝardenojn, bordbanejojn ĉe riveroj kaj lagoj, artecajn suralpajn aŭtomobilŝoseojn, la mito-riĉan Danubo-valon « Wachau » (elp. Vaĥaŭ) kun ĝiaj surmontaj, kasteloj kaj abatejoj, Grossglockner, nian plej altan monton (3800 m), kaj... Vienon, la sopiron de ĉiu art-kaj muzik-amanto... ni ne volas ĉion malkaŝi... venu kaj vi dankos nin !

*Programo :*

5. aŭgusto 1936. Kolektiĝo de la kongresanoj, kiuj deziras partopreni en la vojaĝo « *Tra Aŭstrio* », en la fama naskiĝurbo de Mozart, la urbo de Festludoj, en *Salcburgo*. Speciale tiu vojaĝo estas konvena por s-anoj el Italujo, Svislando, Liĥtenstejno, Francujo, Hispanujo, Portugalujo, Nederlando, Belgujo, Britujo, Irlando, Skotlando, Germanujo, Svedujo, Danujo kaj Norvegujo.

La vespero estas libera kaj vi povas ĝin plej bone uzi, por ĉeesti iun aranĝon de la festludoj (« Faŭsto », « Ĉiu » de Hoffmanstal, sur la placo antaŭ la katedralo), operoprezentadoj de Mozart, Wagner k.a. kun unuarangaj solkantistoj kaj direktistoj). Detalan programon ni sendigos al la interesiĝantoj kaj ankaŭ havigos al ili la koncernajn biletojn laŭ mendo.

## 28-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO VIENO 8-15 AŬGUSTO 1936

6. *Aŭgusto* 1936 :

9 h. per komfortaj aŭtobusoj rigardo de la 5 km distanca somer-rezidejo de la regintaj episkopoj, Hellbrunn en frubaroka stilo el 1613, ĉambraro, parko (la plej malnova baroka en germanaj landoj) kun statuoj kaj la mondfamaj akvo-artaĵoj. Poste vizito al la urbo Salcburgo (40.000 loĝantoj), la « Norda Romo » : memorlokoj je Mozart ; katedralo « la plej pura italstila konstruaĵo monumenta en Eŭropo norde de la Alpoj » : iama rezidejo de la episkopoj ; benediktana abatejo Sa. Petro el 596, la « lulilo » de Salcburgo, kun katakomboj el la 3a jarcento, la rifuĝejo de la unuaj predikantoj por la kristana kredo ; antikva Sa. Petro-tombejo k.a. Je 11 h. ni aŭskultos la sonoril-ludon de la rezidej-turo kaj poste la orgenon de la fortikaĵo Hohensalzburg.

Postagmeze vizito al Hohensalzburg, 130 m super la urbo, la plej potenca fortikaĵo sur germana tero. — Vespere hejmeca kunestado kun naciaj kostumoj, dancoj kaj kantoj, de Lando kaj Urbo Salcburgo aparte aranĝota por la kongresanoj, en ĉeesto de la landestro, urbestro k.a. eminentuloj.

7 *Aŭgusto* 1936. Per apartaj komfortaj aŭtobusoj forveturo de Salcburgo al Gaisberg (1288 m) kun belega panoramo al kaj la lagoj de Salzkammergut, kiun oni poste traveturos. Ni preterpasos : Fuschl-lagon ; St. Gilgen kaj Strobl, pitoreske situitajn ĉe Wolfgang-lago (kie ludas la kongresteatraĵo « La blanka ĉevaleto »), venas en Supran Aŭstrion al banloko Ischl, la iama somerrestadejo de imperiestro Francisko Jozefo sur duoninsulo ; al Ebensee kun salminejo ; al Gmunden, fama banloko ĉe Traunlago, kie ni haltos kaj banos ; daŭrigo trans urbo Wels al *Linz*, la ĉefurbo de la lando. Alveno 17 h.

En Linz aparta teatroprezentado, aranĝota de Fremdultrafik-oficejo sub la proteko de landestro D-ro Gleissner, poste kunestado ĉe muziko. Alparoladoj kaj urbestro.

8. *de Aŭgusto* 1936. Matene daŭrigo de la aŭtobusveturado al la fama abatejo *Melk*, sur alta roko, gardanta malproksimen videble la eniron en « Wachau ». Ni nun estas sur teritorio de Malsupra Aŭstrio. Okazos vizito al la belega barokstila abatejo, ties unika preĝejo kaj la ĉambraro.

Alveno en Wien la 8. *Aŭgusto* 1936 je la 17 h.

Nun komenciĝas la Kongresprogramo de la 8-15 aŭgusto en Vieno.

Post fino de la kongreso la veturado « *Tra Aŭstrio* » estos daŭrigata.

Daŭriga programo :

15. *Aŭgusto* 1936. Post la tagmanĝo en Vieno la aŭtobusa veturado venigos nin sur bonega ŝoseo preter la miljara urbo Mödling, kuraclokoj Baden kaj Vöslau, malnova urbo Wr. Neustadt al Semmering, 1000 m alte situita kuracloko, kun belega panoramo, ludkazino kaj banejo. Restado 1 horon kaj pluveturado al Graz, la ĉarma ĉefurbo de Verda Stirio ». Tra bela pejzaĝo, ambaŭflanke la montoj, laŭlonge de Mur-rivero kondukas nin la vojo, je kiu ni preterpasas la urbojn Mürzzuschlag kaj Bruck a.d. Mur.

Alveno en *Graz* je la 18 h.



Graz, Kastela Monto

« *Hejmeca vespero* », arangôta de la urbo, nin kunigos ĉe komuna vespermanĝo. Oficialaj alparoladoj fare de la land- kaj urbestroj.

16 *Aŭgusto* 1936. Vizito al belega ĝardenurbo Graz kun ĝiaj malnova universitato, barokaj kaj renesancaj konstruaĵoj, kaj la karakteriza kastelmonto kun la ekkonilo de Graz, la horloĝturo. Sur Schlossberg kun bela rigardo al la ĉirkaŭaĵo ni tagmanĝos kaj poste daŭrigos nian veturadon de Graz sur la ĵus finita Pack-a alpoŝoseo al Karintio. Post la loko Köflach oni atingas la tie plej alte situitan lokon Pack (1115 m). Mirindaj perspektivoj prezentiĝas dum ĉi tiu veturado kaj en artecaj turnoj kaj sur interesaj konstruaĵoj kaj pontoj kondukas la ŝoseo, preter la mitoriĉa kastelo Waldenstein valen, preter la urbetoj Wolfsberg kaj Völkermarkt al Klagenfurt, la ĉefurbo de Kärnten, kie ni alvenos je la 17 h. — *Klagenfurt* (50.000 loĝantoj : 446 m super la maro) donas al la vizitanto pro sia senpera situo ĉe la fama Wörther-lago kiel ankaŭ enmeze de la pitoreska montegaraĉeno de Karawanken ĉiujn avantaĝojn de la altmontaro. Estiĝinte en 12-a jarcento, la urbo enhavas interesajn preĝejojn kaj palacojn el diversaj epokoj. — Al la kongresanoj la urbestro arangôs apartan *Prezentadon en Jubilea Urbotealro* kaj okazos salutadoj fare de la land- kaj urbestroj. La belan tagon finos komuna vespermanĝo.

17. *Aŭgusto* 1936. Matene ni forlasos la ĉarman urbon Klagenfurt kaj post kelkaj minutoj ni atingos la plej belan kaj grandan alpo-lagon de Karintio — Wörther-lagon. Ni preterpasos la konatajn kuraclokojn Pörtschach kaj Velden, la pitoreskan Maria Wörth kaj la banlokojn Krumpendorf kaj Reifnitz. Ni atingos la urbon Villach ĉe Dravorivero kun bela gotika preĝejo kaj aliaj vidindaĵoj. En la Dravo-valo ni daŭrigos la vojon al Spittal kun belega palaco de la princo Porcia en itala renesanca stilo. Tagmanĝo kaj vizitado. Preter-pasante ni vidas la lokojn Mölbrücke, Greifenburg, Oberdrauburg ĉiam en la valo de Dravo, ambaŭflanke altaj montoj, ni atingos Lienz, la unuan urbon en Tirolo (676 m super la maro). Tie ni tranoktos. Sed la *unuaj* aliĝintoj havas la apartan feliĉon, ke ili povas daŭrigi la vojon samtage trans Iselsberg (monto), kiu donas belegan perspektivon. Tra la valo de Möll la vojo kondukas al la nekompareble bela miraklejo *Heiligenblut* (1370 m ; tranoktebleco !), kie la novkonstruita *Grossglockner-altalpa* ŝoseo komenciĝas. Apenaŭ alia alpoŝoseo prezentas tiom da grandiozaĵo, kiel ĝi kiu transversas la potencan rokaron de « Hohe Tauern » en longo de 41 km kaj peras novan rilaton inter la nordo kaj sudo. Daŭrigante la vojon, ni venos al *Glocknerhaus* (2143 m ; plej alta tranoktebleco !). Ĉar nur parteto de la partoprenontoj povos tranokti en unu el la noktigejoj en Glocknerhaus aŭ Heiligenblut, ni rekomendas plej baldaŭan aliĝon, ĉar nur la unuaj 100-200 povos kalkuli pri tia tranokto. En via propra intereso uzu ĉi tiun unikan okazon rigardi la sunleviĝon en 2000 m alteco.

18 *Aŭgusto* 1936 : La aliaj partoprenantoj, kiuj vespere amuziĝis en Lienz, frumatene faros la jam priskribitan vojon al Grossglocknerhaus, de kie ni komune veturos al Altaĵo Francisko Josefo (2362 m), de kie oni ĝuas la majestan Glockner-panoramon kun Grossglockner (3798 m),



Salzburg, Katedralo

Johannesberg, Leiterköpfen kaj la plej granda glaciejo de orientaj Alpoj « Pasterze ». De Altaĵo Francisko Josefo ni venos al Guttal-ponto kaj atingos sur la meza parto de la vojo, riĉa je belegaj altmontaj scenaĵoj, trans Hochtor, *Fuscher Törl.* Apud la norda parto de la 310 m longa Hochtor-tunelo la ŝoseo atingas la plej altan punkton je 2506 m. Preter vastaj alpoherbejoj la aŭtobuso nin venigos al *Ferleiten* (denove en la lando Salcburgo) *Fusch* kaj al *Zell* belega urbo ĉe la samnoma lago.

En *Zell* (*am See*) ni tagmanĝos kaj la samideanoj, kiuj deziras hejmemveturi, atingos posttagmeze rapidvagonaron al la okcidento. La aliaj daŭrigos la veturadon per aŭtobuso trans *Lofer-Berchtesgaden* en Bavarujo al *Salcburgo*, kie ili alvenos vespere kaj povos de tie veturi norden.

Se vi derizos viziti kelkajn lokojn — ne per nia Tra Aŭstrio — sed per fervojo, vi ricevos ankaŭ rabaton. Eluzu ĉi tiun okazon kaj pasigu vian libertempon en Aŭstrio. Ni sendos al vi ĉiuj informojn kaj gvidilojn pri somer-refreŝiĝlokoj en Aŭstrio, kie vi malmultekoste ĉu ĉe lagoj, en urboj aŭ sur la montoj povos ripozi !

La prezoj por la ekskursoj :

*Mallongigoj:* N = tranoktiĝo, M = matenmanĝo laŭ Viena maniero (kafo aŭ teo kun butero aŭ konfitaĵo, ovo, pano), T = tagmanĝo (supo, viando kun du legomaĵoj, kukaĵo, pano), L = lunĉo (bulko kun butero kaj ŝinko aŭ fromaĝo laŭ elekto), K = antaŭvespera bonega kafo kun bulko, V = vespermanĝo (diversmaniera, sed almenaŭ 1 viandaĵo kun legomo kaj deserto, pano). La viandon oni povas elekti. Trinkmono enhavata en la prezo. Vi nur pagos por apartaj servoj en la noktigejoj kaj por apartaj mendoj en la manĝejoj kiel trinkaĵoj ktp. — Ĉiuj manĝoj estas komunaj. Por vegetaranoj : Laŭ mendo (jam ĉe sinanonco) ili ricevos apartan abundan senviandan menuon. — Por alkohol-kontraŭuloj : Vi povos partopreni en ĉiuj aranĝoj, ne trinkante alkoholaĵojn. Oni donos al vi ankaŭ mineralan aŭ ordinaran klaran akvon, kiu speciale en Vieno estas bonega kaj freŝa.

*Ekskurso A:* 5.-8. kaj daŭrigo 15.-18. aŭg. *Salzburg* (2 N, 2 M, K, T, V), rondveturado per aŭtobusoj, rigardo de la ĉambraro kaj la mondfamaj akvo-artaĵoj en kastelo *Hellbrunn* kaj de urbo Salzburg, de fortikaĵo *Hohensalzburg*, aparta « hejmeca vespero » en Stiglbräu ; veturado per aŭtobusoj trans *Gaisberg-Salzkammergut* (L) -Gmunden (T) -*Linz* (V, N, M) kun aparta *Prezentado en Landa Teatro* — abatejo *Melk* (L) kun vizitado de la ĉambraro kaj fama preĝejo — *St. Pölten* (T) -*Wien* (komenco de la kongreso). — *Post la Kongreso*, la 15. de aŭg. posttagmeze la Ekskurso A estos *daŭrigata* per aŭtobuso al *Semmering-Graz* (V, N, M, T) kun aparta aranĝo de « Hejmeca Vespero en Stirio », rigardo de la urbo. Daŭrigado al *Pack-Klagenfurt* (V, N, M, L) kun aparta *Prezentado en Jubilea Urboteatro-Worthersee-Villach-Spittal* (T) -*Lienz* (V, N, M, L) eventuale al *Heiligen-blut* aŭ *Glocknerhaus* (tiam V, N, M, L) *Franz Josefshöhe-Fuscher Törl-Zell am See* (T). Ĉi tie fino por la okcident-uloj aŭ daŭrigo al *Salzburg* trans *Lofer-Berchtesgaden.*

Daŭro kaj prezo : 5.-8. kaj 15.-18. aŭg. (aŭ por la *nur de Vieno* partoprenantoj de 15.-21. aŭg. 1936) veturado, vojimposto sur Gaisberg kaj Grossglockner, abundaj manĝoj, bonaj noktigejoj, vizitadoj ktp., trinkmono ĉie enkalkulata, en bona hotelo sv. frk. 109.—, kaj en tre bona sv. frk. 115.—.

*Ekskurso B:* 7-taga restado en Vieno kun ĉiuj ekskursoj kaj aranĝoj, ne enhavataj en la Kongreskotizo. 8. posttagmez-




La Monto « Grossglockner » en la altalpoj

15. de aŭg. 1936 : 7 N kun M, 6 T, 6 V, ekskurso D (aŭ E laŭ deziro), F, G aŭ H kaj I, en civile bona hot. sv. frk. 58. en tre bona 130.— kaj por 300 malbonvalutuloj en komunaj ĉambroj kun simpla matenmanĝo (bona kafo kaj bulko) nur 30.—. La manĝoj por ĉiuj kategorioj estas la *samaj. Vegetaranoj* ricevos senviandan bonegan menuon.

En unuarangaj hoteloj iomete pli.

*Ekskurso D: Schönbrunn* sv. frk. 1,60.

*Ekskurso E: Klosterneuburg* sv. frk. 2.65.

*Ekskurso F: Kahlenberg-Grinzing* sv. frk. 5.30.

*Ekskurso G: Sur Danubo* sv. frk. 1.20.

*Ekskurso H: Prater* kun amuzoj sv. frk. 1.—.

*Ekskurso I :* Rondveturado tra Vieno per aŭtobuso. sv. frk. 2.10.

*Ekskurso K:* Al *Rax* kaj *Semmering* (L, T, V), per aŭtobuso, dufoja veturado per *kablofervojo* sv. frk. 17.—.

*Ekskurso L:* Per trajno kaj *dentrada fervojo* al *Schneeberg* (L, T, V) sv. frk. 18.25.

*Ekskurso M:* Per aŭtobuso *Mödling-Heiligenkreuz-Baden* (L, T, V) sv. frk. 7.75.

*Ekskurso N:* Per vagonaro al *Melk surŝipe* tra Wachau al Vieno (L, T, V) sv. frk. 6.50.

*Ekskurso O:* Per aŭtobuso al *Eisenstadt-Forchtenstein-Wr. Neustadt* (L, T, V) sv. frk. 9.—.

**LKK de la 28-a Universala Kongreso de Esperanto**

**Direktu viajn libro-mendojn al la Libroservo de U.E.A. 1, Tour de l'Ile, Genève (Svisl.) Livero je original-prezoj**

# Universala Esperanto-Asocio

## Ekstera Laboro — Propagando en 1934-35

Oni kredas ĝenerale, ke la Centra Oficejo de UEA estas nura administracio. Ne mirigas nin pro tio la kelkfoja demando, de iuj ne-informitoj : « Kion vi fakte faras dum la tuta tago krom la registrado de membroj ? » La administrado efektive reprezentas ampleksan parton de la laboro de l'C.O. Kiu ajn laŭcela organizo funkciigas tute logike teknikan aparaton, dependan de ĝia karaktero kaj necesa por la laboro mem. Okaze de la dissolviĝo de la iama « Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado post la « Interkonsento de Kolonjo » la taskoj de tiu ĉi institucio transiris al la Sekcio de Eksteraj Aferoj de UEA. UEA do regule okupas sin pri la iama kampo de l'ICK. Ties fruktedona laboro dum preskaŭ 10 jaroj estas konata. La oficiala dokumentaro (Verda Serio) donas abundajn informojn pri tio. Bedaŭrinde nur malmultaj esperantistoj konas la raportojn. Post la reorganizo, decidita en Stokholmo, ne plu ekzistas la sekcioj de UEA. Antaŭe 1 direktoro kaj 1 helpsekretariino estis plene okupitaj nur pri la propagando Hodiaŭ la sola direktoro de la asocio zorgas en la Centra Oficejo tiel pri la administra, kiel pri la propaganda kampoj.

Estus erare kredi, ke la propagando estis lasita flanke en 1935. Tute kontraŭe ! Pro tio ni publikigas en «Esperanto» eltiron el la 43-paĝa jar-raporto de la direktoro de UEA al la 27-a Universala Kongreso de Esperanto en Romo. La kompleta raporto estos trovebla en la oficiala dokumentaro, kies eldono pri la Dudeksepa aperos post ne longe kaj estos mendebla pere de la libroservo de UEA.

### Ekster-Eŭropo

#### AFRIKO

*Alĝerio.* — Ni vivtenis kontakton kun div. membroj UEA en 1934 havis 5 delegitojn.

*Angolo.* — Korespondo kun nia malnova membro S-ro A. Ferreira da Silveo en Lobito, montris, ke li ankoraŭ fidele reprezentas nian aferon.

*Egipto.* — La movado estis malfavore influita de la krizo. En Fayum, Kairo kaj Port-Said daŭradis nia propagando. El la korespondo rezultas, ke niaj amikoj fidele daŭradas. S-ro Tadros Migalli en Fayum eldonis sigelmarkojn por propagando de Esperanto en araba lingvo.

*Madagaskaro.* — Niaj korespondantoj montris la malnovan fervoron. Ni ankoraŭ serĉas eblecon pri aperigo de la malgaŝa ŝlosilo de Esperanto.

Al pluraj indiĝenaj interesitoj pri Esperanto ni sendis prop. materialon kaj informojn.

*Madeiro.* — Ni povis varbi kelkajn novajn membrojn en tiu ĉi insulo. La grupo en Funchal agadas tre sukcese.

*Nigero (franca Okcidenta Afriko).* — Ni korespondis kun nova samideano, S-ro Lichtenberger, subĉefo de divizio, kiu estis delegito, sed jam devis forlasi la kolonion por iri al ĝis nun nekonata celo.

*Sudafriko.* — Fine eliris ĉe la Centra Librejo en Hago la sudafrika (kabholanda) ŝlosilo kiel baza helpilo por nia propagando en la Sudafrika Unio. Ni esploros eblecojn pri interesigo de propagando.

*Sudano egipta.* — Ni ne ricevis informojn pri la samideanaro en Atbara, tre malhelpita de la krizo.

*Tanganjiko* (Ugando-Kenjo-Tanganjiko). — Nia delegito, en Dodoma, S-ro John Williamson, nun en Mazeras (Kenjo), sekve de ofta lokŝanĝo pro misia organizo ne povis labori sisteme. El liaj respondoj ni vidas, ke li daŭrigas la propagandon precipe inter edukitaj indiĝenoj. Bedaŭrinde la speciala situacio de nia laboro ne ebligis al ni ĝis nun, solvi la demandon pri aperigo de la prespreta suahila ŝlosilo. Ni daŭrigas nian klopodon.

*Togo franca.* — Sub la gvidado de nia samideano, S-ro Seth Anomah ĉe la Bremena misio en Lome, kaj helpita de S-ro Deodat Ignacio Quist en Palima, kolektiĝas interesita nombro da esperantistoj en tiu ĉi kolonio. Ni korespondis pri detaloj por finpretigo de manuskripto de ŝlosilo en evea lingvo.

*S. Tomas-insulo (Port. Gvineo).* — Ankaŭ de nia malnova samideano M. M. Pina ni ne ricevis novaĵojn.

Ni reprenas regule la rilatojn kun membroj kaj delegitoj en aliaj landoj de tiu ĉi granda kontinento.

#### AZIO

*Brita Nord-Borneo.* — S-ro R. J. Vaughan en Sandakan konstante propagandas laŭ la eblecoj. Al li ni dankas plurajn novajn rilatojn kiel sekvon de lia agado.

*Cipro.* — Ni korespondis kun nia delegito, S-ro A. G. Joannidis en Limassol. Dank'al klopodo kaj la helpo de nia brita samideano, S-ro Lechmere-Oertel, dumtempe en la insulo Cipro, propagando povis esti farata en la gazetaro. Bedaŭrinde la politikaj okazintaĵoj malfavoris ĉiun aktivecon.

*Fed. Malajo-Ŝtatoj.* — Niaj rilatoj estis vivtenitaj kun S-ro Hŭan Ĉirkŭano en Kuala Selangor, same kun S-roj Kou Hoŭĉio kaj Lusy Yong en Kuala Lumpur.

*Hindujo brita.* — Nur kontakto kun izoluloj povis esti starigata.

S-ro Sajed Ali Multani en Calcutta, finverkis la manuskripton de hindustana (urdua) ŝlosilo en araba skribo, kies kopion li submetis al ni. Necesus helpo de kompetenta kaj komprenema eŭropano por solvi teknikajn kaj financajn detalojn. Nia delegito en Bombay, S-ro A. K. Divekar propagandis Esperanton en la unua Bombaja Ekspozicio.

*Travankoro.* — Ni interŝanĝis novaĵojn kun nia fervora hinda samideano Frato Henry Joseph, monaĥo de la Karmelita Misio en Kozhancheri, aparte aktiva en la katolika movado.

*Hindujo nederlanda.* — Ni regule interrilatis kun div. delegitoj kaj membroj, kiuj montris sufiĉan viglecon de la propagando en la insularo. Nia ĉefa kunlaboranto, S-ro Liem Tjong Hie en Semarang (Javo) bedaŭrinde pro nerv-malsano, sekve de trostreĉo, devis haltigi sian agadon dum certa tempo. Dank' al nia vojaĝanta delegito, S-ro Hadzi Mustapha Raden (nuntempe en Aŭstrio) la malaja gazetaro estis provizita per vico da longaj propagandaj kaj aliaj artikoloj kun informa mencio de Esperanto.

*Ĥinujo.* — Malfortaj estis niaj rilatoj kun la samideanoj en Ŝanghajo, de kie respondo estas malfacile havebla. Ŝajnas, ke la politikaj cirkonstancoj malhelpas la agadon. Ni korespondis kun izolaj samideanoj en la lando.

*Indo-Ĥinujo.* — Pro la modela helpo, kiun SFPE donas regule al la esperantistoj en Anamo kaj Tonkino, la movado estas tre vigla. Ni interŝanĝis korespondaĵojn kun pluraj aktivuloj, sed pro sufiĉa forteco de la movado nia interveno estas malpli ofte necesa.

*Irano* (Persujo). — Ni kontaktis kun pluraj samideanoj en Irano. Politikaj kaŭzoj kaj sekvoj de la krizoj haltigis la movadon jam de pli ol 2 jaroj. Kaj nia propra situacio ne permesas al ni, helpi pli intense. Mankas landą organizo aŭ almenaŭ labor-alianco de la izolaj aktivuloj. Ni havis en 1934 5 delegitojn.

*Japanujo.* — Niaj rilatoj okazis ĉefe kun la Japana Esperanto-Instituto kaj kun aro da aliaj aktivuloj. Mankas spaco por doni detalan priskribon de la situacio de Esperanto en tiu ĉi lando. Estas resume nur direble, ke ĝuste Japanujo donas al ni la plej bonan ekzemplon de praktika aplikado de Esperanto, precipe en la teknika kaj scienca kampoj. Estus nur dezirinde, ke la movado laŭ organizo vidpunkto estu pli forte koncentrata ĉirkaŭ la agema Japana Instituto. Ankaŭ la gazetara problemo tie estas akuta. Apud la bonega organo de la Japana Instituto aperas tro da negravaj gazetetoj kaj folietoj. Modelan laboron en sia sfero faras la tre lerte redaktita kaj ampleksa revuo « Oomoto Internacia ».

Ni devas ankoraŭ laŭde mencii la rimarkindan lingvan laboron de la japanaj samideanoj, i.a. la aperigon de l'Nova Vortaro Japana-Esperanta. Ĝi enhavas ĉ. 100.000 liniojn kun 70.000 esp. vortoj. La kompilado daŭris 9 jarojn, la kompostado 4 jarojn.

*Manĉurio.* — Ni korespondis kun nia delegito, S-ro P. Pavlov en Ĥarbin, kiu estas konstanta servanto por nia afero. Li informis nin pri agado de pluraj esperantistoj tra la lando. Ĉi tiuj bedaŭrinde ne havas rilatojn kun ni.

*Mongolio.* — Dumtempe ni ne havas novaĵojn pri niaj izolaj samideanoj tie. Niaj lastaj leteroj ne estis responditaj. Laŭ nia sperto la kontakto restariĝos denove. Nia ĉefa korespondanto, S-ro Prof. Junŝebu Rinĉino en Ulan-Bator-Ĥoto, pro sciencaj esploroj en la lando ofte estas for de sia konstanta restadejo dum sufiĉa tempo.

Ni klopodis starigi utilan kunlaboron inter li kaj S-ro K. Miyamoto, studento ĉe la fremdlingva Kolegio en Osaka (Japanujo), verkinto de manuskripto de ŝlosilo en mongola lingvo. Parto de ĝi estis konigita al ni kopie. La raportanto, jam kiel direktoro de ICK, klopodis pri aperigo de tia helpilo por mongoloj.

*Saravako.* — La propagando de nia fervora delegito, S-ro R. F. Vaughan en Sandakan (Brita Nord-Borneo) atingis interesitojn en la ŝtato Saravako. Ni plezure skribis al S-ro Huang Jou Khai en Kerching, kiu montriĝis kiel perfekta esperantisto. Lia edzino kaj kelkaj amikoj partoprenos kurson de li organizitan.

*Setlementoj.* — S-ro Jan Ĉau Uŭ en Kuala Sungai Bahur laboras regule, kiel ni konkludas el la korespondaĵoj ricevitaj. Ni havas delegiton en Singapore.

*Sovet-Azio.* — Ni regule ricevis petojn pri informoj, propaganda materialo, korespondo, abono al « Esperanto » el la plej diversaj ŝtatoj de la Sovet-Unio. La skribaj rilatoj estas utilaj por montri la vastecon de nia reto de korespondantoj.

## AMERIKO

(Mez- kaj Sud-Ameriko)

*Argentino.* — La Argentina Esperanto-Asocio denove laboras regule. Precipe la gazetara propagando vigliĝis. Pro ekonomiaj kaŭzoj la nombro de UEA-anoj estas tre malgranda. AEA bedaŭrinde ankoraŭ ne aliĝis al la « Interkonsento de Kolonjo ». Ni havas 15 delegitojn.

*Bermuda insularo.* — Ni konatiĝis kun du samideanoj, S-ro Richard North en Southampton East kaj S-ro J. Shanks en Spanish Point.

*Brazilo.* — Jam en la lastjara raporto ni povis informi pri la vigleco de la movado en tiu ĉi lando. Niaj rilatoj kun la Brazila Ligo estis tre regulaj. Koncerne la aligon de membroj al UEA la Ligo bedaŭrinde troviĝas en malfavora situacio pro la sentebla falo de la brazila valuto.

Aparte notinda el la Liga laboro estas la ampleksa gazetara propagando, la aktiveco ĉe la radio-stacioj, la poŝto kaj la foiro de Rio-de-Janeiro. Ni havas 10 delegitojn.

*Ĉilo.* — S-ro Luis E. Sepŭlveda Cuadra, L.K., interŝanĝis leterojn kun ni. La laboro de diversaj izoluloj ne elstarigas aparte gravan iniciaton.

*Honduraso.* — Ni ne ricevis aktualajn novaĵojn pri la agado de nia pioniro, D-ro Pompilio Romero en Olanchita. Bedaŭrinde nia delegito en La Ceiba, S-ro Jagoda, translokiĝis al Nov-Jorko. La samideanoj per tio perdis ĉiaman instiganton.

*Meksiko.* — Kvin delegitoj tie reprezentas nian asocion.

*Peruo.* — Ni havis nur korespondadon kun nia jama korespondanto, S-ro J. Nuñez en Bambamarca.

*Trinidado.* — Nia longjara batalanto, S-ro Pastro W. Broens, delegito en Tunapuna, regule propagandas por nia afero, precipe en la angla gazetaro de Brita Okcidenta Hindujo.

*Urugvajo.* — Pri la movado en Urugvajo nur malmultajn novaĵojn ni ricevis. La laboro en la preskaŭ nur unulingva Sud-Amerika kontinento estas malfacila, ĉar la neceso de helplingvo ne sentiĝas. El individuaj korespondaĵoj ni ĉerpis, ke la loka laboro ĉie iras regule. En 1934 ni havis 10 delegitojn en la lando.

*Virgulinaj insuloj.* — Ni starigis rilatojn kun izola samideano, S-ro J. A. Swinson en St. Thomas, Ni esperas envicigi lin en nian delegitaron.

Ni klopodas konstante pri restarigo de rilatoj kun izolaj samideanoj en tuta suda kaj centra Ameriko. La laboro postulas tempon kaj apartan paciencon.

## NORDAMERIKO

En *Usono*, EANA, laŭ impreso el « Amerika Esperantisto » agadas en grandaj ekonomiaj malfacilaĵoj.

Nia iama mondvojaĝanto, S-ro Jos. R. Scherer, Los Angeles, traveturas la tutan landon per aŭtomobilo kiel prelegisto, uzante ĉiun eblecon de propagando por Esperanto. Senditaj gazet-eltranĉaĵoj montris al ni la efikon.

Ni korespondis kun izolaj samideanoj.

UEA havas delegitojn en rondcifere 100 urboj de Usono kaj Kanado.

## AŬSTRALIO KAJ OCEANIO

Precipe kun la samideanoj en *Novzelando* okazis interŝanĝo de leteroj. De la esperantistoj en la *Filipinoj* neniuj

novaĵoj estas ricevitaj, same ne de la *Havaja insularo*. De nia delegito en *Papuo*, D-ro Williams, Samarai, ni ricevis du adresojn de esperantistoj, ĝis nun ne konataj al ni. En *Tahito* novan delegiton ni varbis en la persono de S-ro Advokato G. Capro en Papetee.

Tiuj ĉi linioj donas nur supraĵan impreson pri la vasteco kaj amplekso de nia ekstereŭropa agadkampo. En tempoj pli favoraj, pli trankvilaj, niaj iniciatoj povis atingi pli grandan efikon. Kreskanta pliboniĝo de la stato de nia asocio — kiu senŝarĝigos nin de aro da flankaj zorgoj — ebligos al ni, pliintensigi nian klopodon, plivastigi nian rilataron ekstereŭropan.

Estus ideale, se tiun ĉi nuran superrigardon anstataŭus konciza raporto de la landaj asocioj aŭ de raportanto por ĉiu lando, kie ne ekzistas tia organizo. Delonge ni akcelas tion. Por efektivigi la ideon ne sufiĉas la nun plej parte atingita organiza unueco, sed ankaŭ pleja adapto al la Centra Organizo rilate la internan teknikan organizon.

*Malgrandaj ŝtatoj k.a.*

Laŭeble ni serĉis okazon, vigligi la intereson pri Esperanto en la malgrandaj ŝtatoj en Eŭropo, kiuj montriĝis kiel fruktodonaj kampoj.

Ni ankoraŭ ne sukcesis varbi delegitojn en *Andoro*. S-ro J. Pujol-Huguet en S. Julia de Loria, malkovrita de ni kiel esperantisto okaze de restado en tiu ĉi izolita respubliko, ne povis akcepti la delegitecon ĝis nun. Pro profesiaj kondiĉoj li estas for de la lando en somero. Aliaj kandidatoj ĝis nun ne scias sufiĉe nian lingvon.

*Liĥtenstejno.* — UEA estas reprezentita de 1 delegito en Schaan. Okaze de mallonga libertempo ni sukcesis kunigi kelkpersonan grupon de lernantoj, speciale interesitaj per la turisma propagando pri Liĥtenstejno kaj la korespondaĵoj ricevitaj tiurilate de div. institucioj.

*Luksemburgo.* — UEA havas nur 1 delegiton. Je pli favora momento ni intensigos nian propagandon.

*Malto.* — Per publikigo de artikoloj kaj ilustraĵoj, okaze de la Krozado de la Dudeksepa al Afriko, ni interesigis la turisman oficejon de la registaro. Ni trovis ĉiun helpon kaj intereson pri nia praktika iniciato. Per necesa surloka helpo al nia klopodado progreso certe estas atingebla.

Ni povis korespondi kun izolita malta esperantisto, S-ro Josefo Antonio Abela en Hanrun.

*S. Marino.* —Ni klopodis interesigi la aŭtoritatojn de tiu ĉi respubliko pri Esperanto per aperigo de ĉefpaĝa ilustraĵo pri S. Marino.

*Monako.* — Ni havas delegiton en Monte-Carlo. Ni jam povis raporti pri la fondo de Esperanto-grupo, kiu celas kunigi ĉiujn esperantistojn de la princlando.

## EŬROPO

Pri nia propaganda laboro en Eŭropo ni raportas laŭ la agadkampoj.

*Blinduloj*

Dum la kongreso de Stokholmo okazis samtempe la kongreso de la Universala Asocio de Blindul-Organizaĵoj Esperantistaj. Interkonsente kun ni la LKK donis ĉiun helpon al la blinduloj. Ankaŭ por Romo ĉio estas farita por faciligi la aranĝojn de UABE.

*Ekspozicioj*

La Universala kaj Internacia Ekspozicio de Bruselo en 1935 eldonis prospekton en Esperanto. Ni disvastigis ĝin per niaj korespondaĵoj.

La Ekspozicio « Flora » en Harlemo, de 1935, aperigis faldprospekton en Esperanto. Ĝi aldonigis ĝin al nia organo « Esperanto », en kiu ni publikigis apartan artikolon pri tiu ĉi aranĝo.

*Fervojo*

La Nederlanda Esp. Societo « LEEN » (simile kiel la Ĉeĥoslovaka Asocio Esperantista en 1934) atingis permeson de la Nederlanda fervojaro, fiksi en ĉiuj stacidomoj afiŝon (unuforme fabrikitan) kun indiko pri la loka Esp. Informejo resp. la delegito de UEA.

La Nederlanda Ŝtata Fervojaro aperigis luksan faldprospekton kun ilustraĵoj pri Nederlando, geografia karto kaj klarigoj pri siaj turist-biletoj.

*Foiroj*

Daŭrigis eldoni presaĵojn en Esperanto la foiro de Budapest, Lyon, Paris, Marseille kaj Reichenberg. Ni distribuis kvanton da ili per niaj korespondaĵoj. Estas entreprenitaj paŝoj por revivigi la intereson de la foiro de Vieno kaj de la italaj foiroj. Niaj brazilaj amikoj sukcese aranĝis Esperanto-standon en la foiro de Rio de Janeiro. Krom tio ili atingis uzon de oficiala reklam-stampo de la brazila poŝto kun la teksto en Esperanto « Internacia Specimena Foiro, Rio de Janeiro, Turisma Urbo ». Ĝi estis presita sur milojn da ekspeditaj poŝtaĵoj el la brazila ĉefurbo.

*Gazetara propagando*

Al ĉi tiu raporto estas aldonita resumo pri la limigita funkciado de la « Internacia Gazetara Komisiono » (komisiita de UEA) de ĝia prezidanto, S-ro Georges Avril. Ni bedaŭras konstati, ke la celkonscia klopodo de nia fervora kaj agema kunlaboranto ne trovas la atenton, kiun ĉi tiu meritas. Estas vero, ke la cirkonstancoj kaj manieroj de gazetara propagando estas malsamaj en la div. landoj. Sed estus dezirinde, ke la regule funkciantaj gazetarservoj de la landaj asocioj havu regulan informan kontakton kun la Gazetara Komisiono. Tiamaniere restos eble almenaŭ starigi statistikon por informo al la esp. publiko pri tiu ĉi tre grava kampo de propagando.

*Internaciaj asocioj*

Ni zorgis, de longe, ke almenaŭ unufoje jare nia propagando atingu la internaciajn asociojn kaj instituciojn. Tiel ni denove forsendis al ili en junio-komenco ĉ. 375 invitojn por reprezentigo en la Dudeksepa en Romo.

*Juro*

S-ro D-ro Fr. Francke en Munĥeno ellaboris ampleksan kolekton da juraj esprimoj kaj difinoj en Esperanto; ili estas kvazaŭ komplemento al la ekzistanta Vortaro de Juro (germana-esperanta) de D-ro Liebeck-Berlino. Ni klopodis pri helpo al tiuj ĉi grava laboro kaj mem prijuĝis ĝin laŭ komprenebleco por ne-germanlingvanoj.

**Ĉi tiu estas la lasta numero de la nuna jarkolekto de " Esperanto ".**

**Certigu al vi la liveradon por 1936 per tuja realiĝo al UEA !**

## Profesoro Charles RICHET †

Meze de decembro mortis en Parizo Prof. Charles Richet, unu el la plej grandaj scienculoj de Francujo, en aĝo de 85 jaroj. Li estis fiziologo kaj okupiĝis pri plej diversaj sciencaj kampoj. Kiel profesoro de l'medicina fakultato en Parizo li fariĝis membro de la franca Akademio de la Medicino. En 1914 li fariĝis membro de la Scienca Akademio. Li publikigis senfinan nombron da sciencaj verkoj. Longatempe li direktis la grandan francan organon « Scienca Revuo ». En 1913 li ricevis la Nobel-premion por Medicino.

Li estis pioniro de la aerveturo kaj subtenanto de altaj idealaj celoj. Kiel apostolo de l'pacifismo li partoprenis en ĉiuj klopodoj por la interkomprenado de la homaro. Ne mirige do estas, ke li fariĝis adepto de la internacia helplingvo kaj varma amiko de Esperanto. En verkoj kaj artikoloj li defendis Esperanton. Du el liaj verkoj estas tradukitaj en Esperanton.

Nia movado perdas en li efektivan pioniron, al kies eminenteco ni ŝuldas tiom da favoro por Esperanto en ĉiuj sciencaj kaj intelektaj rondoj en Francujo.

Honoron al lia memoro. Li ripozu en paco.

## Bibliografia Servo de UEA

*Bruno kaj Elio Migliorini* : Esperanto Legolibro. Eldonis Esperanto-Centro Itala, 92, Gall. Vitt. Emanuele, Milano. 168 paĝoj. Formato 12 × 16,5 cm. Prezo sv. frk. 1.20. (1935-74(.

*Edm. Privat* : Vivo de Zamenhof, ĥina traduko de *K. M. Jank.* Eldonis K. M. Jank, p.a. Pejĉo Ĉan, V.D. de UEA, 15, Shang Sieh Chiai, Peiping (Ĥinujo). 194 paĝoj. Formato 13 × 18 cm. Prezo ne indikita. (1935-75).

*H. Blok* : Esperanto Zakwoordenboekje met Grammatica. Eldonis H. Blok, Amstellaan 55, Amsterdam. 16 paĝoj. Formato 7,5 × 12 cm. Prezo ne indikita (1935-76).

*Rolf Nordenstreng* : La homaj rasoj de la mondo. Eldonis Eldona Societo Esperanto, Box 698, Stockholm. 212 paĝoj. Formato 12,5 × 20 cm. Prezo broŝ. Sv. kr. 3.25, bind. Sv. kr. 4.75. (1935-77).

*M. E. Deligny* : Histoire de la Fédération Espérantiste du Nord de la France. Eldonis Fédération Espérantiste du Nord de la France. 31 paĝoj. Formato 15,5 × 24,5 cm. Prezo Fr. fr. 3.—. (1935-78).

*A. Couto Fernandes e H. Motta Mendes* : Gramâtica Elementar de Esperanto. 2a Edicao. Eldonis Irmaos Pongetti. Rio de Janeiro (Brazilo). 40 paĝoj. Formato 11,5 × 16 cm. Prezo ne indikita. (1935-79).

*La Multekolora Libro.* Eldonis Heroldo de Esperanto, Brüsselerstr. 94, Köln (Germanujo). 127 paĝoj. Formato 14 × 20 cm. Prezo Germanujo kaj Svislando germ. Mk 1.40, aliaj landoj germ. Mk 1.05 plus sendkostoj germ. Mk 0.15. (1935-80).

*M. Rollet de l'Isle* : Logika Esperanto. Skribado kaj Prononcado de la Personaj kaj Lokaj Nomoj. Eldonis M. Rollet de l'Isle, 35, rue du Sommérard, Paris V. 23 paĝoj. Formato 13,5 × 21 cm. (1935-81).

*Dr. A. M. Malmanche* : Botanika Klasifiko (en Esperanto). Eldonis Dr. A. L. Malmanche, 101, Av. Paul Doumer, Rueil-Malmaison (S. et.O.) Francujo. 92 paĝoj. Formato 21,5 × 31,5. Prezo : Fr. frk. 50.— afrankite. (1935-82).

*Itala Turismo Klubo* : La Verda Gvidlibro, dua volumo, Roma kaj Ĉirkaŭaĵoj. Eldonis Esperanto Centro-Itala, Gall. Vitt. Emanuele 92, Milano, Tuting Club Italiano. Corso Igaliallo, Milano ; Turisma Servo de UEA, 1, Tour de l'Ile, Genève. 205 paĝoj. Formato 11 × 16 cm. Sv. frk. 6.50. (1935-83).

*A. E. v. Bussum.* Esperanto Leerboek, dua Eldono. Eldonis L.C.G. Malmberg, Uitgever N. V. 's-Hertogenbosch. 196 paĝoj. Formato 13,5 × 19,5 cm. Prezo sv. frk. 1.50. (1935-84).

## Tra la Libraro

Pro konstanta manko de loko, ni povas nur nun publikigi la finon de la ĉiam leginda libro-revuo de nia ŝatata kunlaboranto, sro. Prof. G. Stroele, Neuchâtel.

Jen eldonaĵo de l'Moraviaj Esperantaj Pioniroj, al kiuj ni ŝuldas jam rimarkinde elektitajn kaj tradukitajn verkojn ; ĉi foje estas : Du noveloj, de du nuntempaj moraviaj aŭtorinoj ; ilin virina sorto kaj psikologio priokupas kaj kompreneble virinoj estas la heroinoj, same kiel cetere la tradukintinoj. *Genutrantoj*, de Jiri Sumin, pentras malriĉegan medion en kiu infano devige ŝtelas por nutri sin kaj siajn familianojn. Ploriga, kun tamen fajreroj de humoro, tiu tragika falado de senkulpulo en la socian abismon ; kaj samtempe akra akuzo kontraŭ civilizo, kiu tian nemezureblan mizeron toleras. *Marička danculino*, de Ruzena Svobodova, estas kampara idilio, ĉe arbaristoj, kiu ankaŭ tragike finiĝas, kaj estas vivkolore pentrita. La du noveloj, en eleganta bindita libreto estas perfekte tradukitaj kaj liveras interesan specimenon pri nuntempa ĉeĥlingva literaturo.

Ankaŭ el du noveloj konsistas la verko de F. Karinthy, tre lerte tradukita de L. Totsche : Vojaĝo en Faremidon kaj Du ŝipoj ; ĉi tiuj ne estas realistaj romanetoj, kiel la antaŭaj, sed fabelecaj mirrakontoj. La unua raportas pri nova vojaĝo de Gulliver, kiu vizitinte landojn de gigantoj aŭ liliputanoj nun alvenas al tiu de l'muziko. La evento okazas en 1914 ; la heroo estas kirurgo sur ŝipo dum la milito ; dum la ŝippereo post bombesplodo li saviĝas per hidroplano el kiu fremda aviadilo lin kaptas kaj transportas en la muziklandon. Tie vivas maŝino-homoj kaj kreskas homarboj. La loĝantoj multe superas la teranojn ; ili parolas per muziksonoj kaj por ili la vivo sur la tero estas nur malsano, ni mem speco de parazitoj, kies unu ili do kaptis por observi. La amuza fantaziaĵo estas plena je spritaj rimarkoj, paradoksaj veraĵoj kaj estas kvazaŭ misformiga ironia spegulaĵo de nia mondo. Pri la milito, jen opinioj : « Nenio evoluigas tiom la belegan sciencon de kirurgio, kiel tiu-ci moderna milito, kiu, per siaj sennombraj armiloj, maŝinpafiloj, grenadiloj, vaporhaŭbizoj, bomboj krevantaj en aero, pintigitaj kugloj, venenitaj sagoj, liveras ĉiam pli kaj pli interesajn kaj ĉiam pli novajn kazojn por la edifo de la lernema kirurgo... Antaŭ mi venis japana soldato kiu freneziĝis sur la batalkampo : li havis la fiksan ideon, ke li scias kial li batalas. » Pri arto : « La homoj atingis, ke ili jam donis dekmiloble pli multe por pentraĵo prezentanta nudan virinon, ol por la virino, kiu servis modele al la pentristo. » Pri scienco: « ... seriozan naturscienculon en la starigo de liaj teorioj ne povas influi tia bagatelo, kiel ekzemple fakto au fenomeno rekte kontraŭanta la teorion ». Pri filozofoj kaj metafizikistoj : « Min surprizas nur, ke vi nomis plej grandaj pensuloj de l'homaro ĝuste tiujn malsanajn mensojn, kiuj freneziĝis pri si mem ».

La dua novelo estas, laŭ tiuj antikvaj aŭ renesancaj dialogoj inter mortintoj, konversacio poezia kaj filozofia inter Kolumbo kaj Sinesius, inter la eltrovonto de Ameriko kaj la alĥemisto, kiu fariĝas disputo inter la estonteco kaj la estinteco, inter la realo kaj la revo, inter la scienco kaj la superstiĉo, inter la fakto kaj la imago. En tiu idebatalo neniu venkas ; se la realeco pravigas la unuan, la dua fuĝas en sonĝmondon, kie nenio plu lin vundas. Ambaŭ noveloj estas tre antentindaj, originaltemaj beletraturaĵoj ; ĉu ne rave la vortoj tiel diras pri la ŝipoj de Kolumbo : « De tri

monatoj ili tranĉas la grizan tapiŝon de l'Oceano, okcidenten, ĉiam okcidenten, kaj post la pufa paŭpo mistere kaj kun senindulga glateco kunkuras la elkirlita suko. »

Specimenojn de japana dramarto ni trovas en la libro de Kan Kikuĉi : AMO DE TOOĴUUROO KAJ DU ALIAJ TEATRAĴOJ, tradukita de Joŝiŝi Ŝimomura. Prezentante la aŭtoron, verkinton modernan de romanoj, rakontoj, teatraĵoj, la tradukinto konstatas, ke Japanujo ne valortaksas sian literaturon, ĉar ekzemple neniu urbstrato postas nomon de fama verkisto. La unuakta tragedieto : *Amo de Tooĵuuroo* estas imagita okazaĵo pri vivinta aktoro. Rolonte kiel amaĵisto, Too ne kapablas trovi gestojn kaj pozojn trafajn, ĝis kiam li tiucele amindumas aliulan edzinon. Sed tiel li atingas sukceson kaj entuziasmigas la rigardantaron. Okaĵi, kiu deklaris : « Eĉ se trompe, ricevi la amon de Sinjoro Tooĵuuroo estas la plej alta deziro de virina vivo », komprenas ke nur ludilo ŝi estis ; ŝi mortigas sin en la teatraj kulisoj, kio ne ĝenas Too montri nenian emocion kaj daŭrigi la prezentadon. *Pli bone ol venĝi*, triakta dramo, laŭ antikva historio, montras serviston, kiu mortigas sian mastron, fariĝas bandito kaj krimadas, ĉio tio por komplezi kruelan amatinon ; fine li forlasas ŝin por pentofari borante tunelon kunigontan du valojn ; tiel oferinte li akiras la pardonon de l'venĝdeva mastrofilo. Trie, *La miraklo* estas farso, kie junuloj senkredaj diversmaniere mokas la statuon de l'Inferodio (strange ke ĉi tiu nomiĝas Emma) ĝis ŝajna miraklo de l'dio timigas la junulojn, kiuj sentas ĝin puno kaj konvertiĝas. Tiuj scenoj konigas al ni menson de fora popolo, kie nur viroj ludas sur teatro eĉ por la inaj roloj, kie por aktoro gesto, sintenado, kostumo pli gravas ol paroloj, kie virinoj restas obeemaj subuloj de siaj parencoj kaj edzoj, kie religio estas por multaj, eĉ por bonzoj, nur hipokrita profitemo. Malgraŭ vort-aŭ stilstrangaĵoj, komplikeco de l'propraj nomoj, iaj nekompreneblaj aludoj, la tri teatraĵoj, sed ĉefe la unua, pli impresa, estas interesaj dokumentoj laŭ literatura, laŭ popolanima vidpunktoj.

Se vi ŝatas la humoraĵojn, provizu vin en : ĈU VI AUDISTION ? de S. Grenkamp-Kornfeld. La kovrilo montras al vi du gajulojn, fumantajn post abunda manĝo kaj rakontantajn, apogite al bilardo, spicitajn anekdotojn. La kolekto enhavas pli ol ducento da tiuj ŝercaĵoj, spritaĵoj, vortludoj. La kompilinto elektis bone, ĉar krom konataj, ankaŭ novaj enestas ; neniam maldecaj, multaj vekas amuzan rideton aŭ laŭtan ridegon ; ĉar la stilo tute taŭgas, oni ne povas postuli pli bonan tian ŝercaĵaron.

Ni ĵus vidis Guliveron en Faremido ; vi povas ankaŭ esperante nun legi la unuan parton de l'verko de Swift, la vojaĝon al Liliputlando en : LA VOJAĜOJ DE GULIVERO, traduko de Jos. A. de Roos. La angla originalo estas ja ĉiulingve tradukita. Oni rimarkos en la libro, ornamita per amuzaj desegnaĵoj, kelkajn korektindaĵojn, gramatikeraretojn, vortojn missence uzatajn, sufiksojn troajn aŭ mankajn, malĝustajn verbtempojn aŭ modojn. Malgraŭ tiuj difektetoj, la traduko estas tute komprenebla, facile legebla ; ĝi plaĉos al la gejunuloj, eĉ al maturuloj.

Kolekto da kvardek poezioj, originale verkitaj de Eŭgeno Miĥalski formas la libreton : KANTOJ DE L'AMO KAJ SOPIRO. La kovrilo estas modernarta, sed la versaĵoj estas la kutima rekantaĵo de junulo pri amo, naturo, espero kaj malespero. Prave la aŭtoro subtitolis ilin : poemoj de naiva juno. Korektaj kaj variritmaj, ili tamen ne aperigas unuagrandan stelon ĉe nia poezia firmamento ; jam pluraj tiaj kolektoj aperis, kaj se ĉi tiu superas multajn el ili, ĝi tamen palas apud la vervo de niaj veraj poetoj.

Alia poezispeco : PIRAMO KAJ TIZBEO, burleska unuakta teatraĵeto, aranĝita parodie laŭ epizodo en la Sonĝo de Somermeza Nokto de William George Adams. Sukcese ludita antaŭ anaro en Seattle, ĝi certe taŭgas por distri aliajn. La roluloj anoncas sin mem :

« *Leonon tre sovaĝan mi prezentas*
*Kruele kaj laŭtege muĝadante*
*Kaj por forigi timon mi sciigas*
*Mi estas simpla ĉarpentisto, kvankam*
*Hodiaŭ oni min ja leonigas.* »

La moralo :

« *Kaj el la histori' vi saĝon tiros :*
*Ne amu forte, sed prefere ofte.* »

En la broŝuro : LA PROFETO, ni havas paĝojn el la hungara laborist-tendenca beletraturo. La poezioj kaj prozaĵoj, bone tradukitaj el Hungaraj aŭtoroj, feliĉe estas pli literaturaj ol esence proletaj.

La libreto en formato de ŝlosiloj de Stjepan Miŝak : *Kursa lernolibro por memlernantoj* uzas ĉefe interparoladetojn kaj proverbojn ; ĉiuj vortpartoj estas disigataj per streketoj. Multe tro da diversaj eraroj difektas tiun etan presaĵon.

Nova stenografia sistemo estas *Ispo, Internacia Steno-Pasigrafio* de Fred. A. Haman. Ĝi fariĝu la dua skribo por ĉiuj, kiel Esperanto estas la dua lingvo por ĉiuj, diras la aŭtoro. La sistemo elektas la signojn el partoj de la literoj por ordinara skribo ; per sinsekvaj mallongigoj oni vice uzas kvar gradojn : Prononca, Koresponda, Dikta kaj Raporta skriboj. Bazita sur fonetikaj leĝoj, tiu stenografio ŝajnas bone prilaborita, sed nur praktikinte ĝin, kio postulas longan laboron, oni povus juĝi, ĉu ĝi egalas aŭ superas aliajn.

La : *Kartludo Lexicon de Agiszo*, de John Waddington, konsistas el ludkartoj luksaj en beleta ujo. Ili surhavas literojn, kaj ciferojn por poentoj, per kiuj ludantoj devas formi vortojn laŭ la reguloj de aparta libreto. Amuza, ekscita, interesa, diras la prospekto, instrua certe ankaŭ. La vendanto malakceptas respondecon, se vi pro ĝi forgesas enlitiĝi.

Alia kartludo : *Internacia frazludo*, de Jakob Rosenberg. Sur la kartonetoj estas demandoj kaj respondaj frazoj, precipe aforismoj kaj proverboj, abocoe ordigitaj. Sed nenia rilato inter demandoj kaj respondoj, tiel ke oni ne komprenas kiel la ludo povas fariĝi interesa aŭ eĉ senca ; sed eble ĝuste tiu sensencaĵo estas la celo ?

Ankoraŭ ne tre ofta estas tiu fakto, ke esperanta originala romano estas tradukata nacilingve. Tio okazis por la lasta granda verko de Baghy, kiu aperis germanlingve : *Hurra für nichts*, en traduko de Albert Mair. La tradukinto, en antaŭparolo, donas interesan biografion de Baghy kaj lerte karakterizas liajn verkojn. La burleska romano mem jam estis recenzita, kaj leginto certe memoras tiun strangan testamenton kaj ĝiajn ankoraŭ pli strangajn sekvojn ; sed sub tiu fantazia vualo, kiu tro kolora eĉ iom kaŝas la veran celon, la aŭtoro ŝovis sian malamon al socio adoranta la Oran Bovidon, sian admonon al pli homa vivo, siajn revojn al pli bela estonteco. La traduko en modernan germanan lingvon, kun novaj esprimoj, estas preciza kaj klara, bone adaptita al la enhavo, kaj la zorge eldonita dika libro, kun okultira kovrilo, solide impresas.

G. S.

## HUMORO DE L'MONDO

**(El la rakonta provizo de l'redaktoro)**

**Bonvena optimismo**

*Enkasiganto:* Mi revenos morgaŭ matene kaj mi esperas, ke tiam vi havos sufiĉe da mono por pagi.

*Kliento:* Faru tiel. Estas vere plezuro por mi revidi optimiston tian, kia vi estas.

**Kemio kaj Komerco**

*Prof. de kemio:* Kion vi povas diri al mi pri nitratoj ?

*Studento:* Jes... ili... la nitrat... akcioj estas momente pli malkaraj ol aliaj.

## INTERNACIA KORESPONDADO

Tri vortoj kostas sv. Frk. 0.30 ( = 1 respondkupono). La nombro de vortoj ne estas limigita. Ĉiu el la mallongigoj, mulsupre indikitaj, valoras unu vorton.

**Mallongigoj :**

| | | |
|---|---|---|
| *c.r:* certe respondos. | *k.ĉ.l.:* kun ĉiuj landoj. | *PI:* poŝtkarto ilustrita. |
| *dez.:* deziras. | *kor.:* korespondi. | *PK:* poŝtkarto. |
| *f-ino:* fraŭlino. | *L.:* Letero. | *PM:* poŝtmarko. |
| *gaz.:* gazeto. | *p.ĉ.t.:* pri ĉiu temo. | *s-ino:* sinjorino. |
| *intŝ.:* interŝanĝo. | | *s-ro:* sinjoro. |

*Skara* (Svedujo).
S-ro Lars Noŭberg, Järnvegen, L. k.ĉ.l.

*Sint Andries bij Brugge* (Belgujo).
S-ro André Deprez, 309 Gistelsesteenweg; L., PI., pri ĉio.

*Brugge* (Belgujo).
S-ro Fernand Roose, studento, 3 Oude Gentweg; L., PI., pri religio, politiko, folkloro, speciale literaturo.

*Zeebrugge* (Belgujo).
S-ro Gerard De Vriendt, studento, 24 Ploegstraat; L., PI., pri ĉio, precipe pri religio, politiko, literaturo.

*Sint Baafs bij Brugge* (Belgujo).
S-ro Rogier Hermans, studento, 93 Gistelsesteenweg; L., PI pri politiko, religio, speciale pri popolkutimoj, historio.

*Brugge* (Belgujo).
S-ro Roger Meersseman, subtrupestro, 22 Gappaardstraat; deziras le korespondi kun skoltestraroj de la diversaj landoj pri skoltismo kaj Esp. propagando ĉe skoltoj, 2ᵉ inter- ŝanĝi PM., kun Aŭstralio kaj Afriko.

*Uh. Hradište* (Ĉeĥoslovakio).
F-ino Ruzena Vilemová, komercistino, dez. kor. L., PI., PM precipe kun ekstereŭropanoj.

*Makslathi* (Finlando).
S-ro V. Santamo, PM kun ekstereŭropaj landoj, c.r.

*Montargis* (Loiret-Francujo).
S-ro Guillot, 66 rue Sirène, intŝ. PM., PK., kun eksterlandanoj. C.r.

*Funchal* (Madeiro).
S-ro M. M. Lourenĉo de Gouveia, Apartado 75, dez. intŝ. fotojn, gaz. kaj L., kĉl. Kor. ankaŭ portugale, france, angle, germane.

*Ialta* (Krimeo-USSR.).
Kuracistoj dez. havi korespondadon kun svisaj kuracistoj pri tuberkuloz-problemoj. Adreso : S-ino R. Sagalĉik, Proletarskaja 3.

*Berck-Plage* (Pas-de-Calais, Francujo).
S-ro Lemaire, apotekisto, rue Aristide Danvins, dez. intŝ. PM.

*Villeurbane* (Rhône-Francujo).
S-ino Jeanne Magaud, 5 rue Guillotte, dez. kor. L. PI, k.ĉ.l. C.r.

*Budapest* (Hungarujo).
D-ro Károly Pászty, VII Damjanich-u 18, intŝ. PM laŭ Michel 1936.

*Znaiffl* (Ĉeĥoslovakio).
S-ro farm. Francisko Höfert, ĵurnalisto, Otakarova ul. 2, dez. korespondadon ĉie pri div. temoj.

**Arioj ej la operoj « CARMEN » kaj « RIGOLETTO »**

kantitaj en ESPERANTO de famaj operkantistoj estas aŭdeblaj per la

**Gramofondisko N° 2 de KEU**

Prezo: Gmk, 2,50, afrankite kaj asekurite. La disko estas la plej bela donac-objekto por la festoj kaj taŭga por montri la belsonecon de Esperanto.

Mendoj direktu al : *Komercista Esperanto Unio, Dresden-Radebeul, Friedrich-August-Str. 4.*

**Havebla pere de la Libroservo de UEA, 1, Tour de l'Ile, Genève**

Mi volonte cedos al interesato kolekton de malnovaj gaz. i.a. de « Esperanto ». Tre favoraj kondiĉoj. Turni al S-ino Tissot-Martin, Wartenbergstr. 9, Basel (Svislando).

250-300 esperanto-studantoj 15-40 jaraĝaj, dez. korp.ĉ.t. kun progresemaj esperantistoj de la tuta mondo. Skribu al la Kursgvidanto : S-ro A. D. Borisoglebski, Sovetskaja ul. 274, Institute of Horticulture, Miĉurinsk, (Kozlov), Sovet-Unio.

Gesamideanoj el tutmondo ! Helpu esperantistan familion per mendo de belegaj manlaborajoj. — Fenestrajn kurtenojn, litajn kaj tablajn kovrilojn manlaboras el bona materialo kaj sendas malmultpreze al vi laŭmodele kaj laŭmezure la edzino de S-ro Imre Hajdú. Revendistoj sin anoncu. Interesiĝantoj por detaloj sin turnu al : S-ro Imre Hajdú, Del. UEA, II Szaraz u. 9, Hódmezovasar hely (Hungarujo).

### Ĝardenista Terminaro

S-ro A. D. Borisoglebski, *Miĉurinsk* (Koslov), de la Instituto por Ĝardenkulturo kaj Selekto (Institut Sadovodstva i Selekcii), *Sovet-Unio,* laboras pri *ĝardenista terminaro,* kiun li intencas aperigi en angla, franca, germana, rusa kaj esperanta lingvoj.

La Vortaro enhavos jenajn partojn :

1. Nomaro de fruktaj kaj legomaj kreskajoj.
2. Nomaro de malsanoj kaj malutilaj insektoj de kreskajoj.
3. Nomaro de fungisidoj kaj insektisidoj.
4. Nomaro de diversaj laborprocedoj en ĝardena kaj legoma kulturado.
5. Nomaro de ternutrajoj en ĝardenkulturado.
6. La plej necesa terminaro pri botaniko, fiziologio, morfologio kaj sistematiko de kreskajoj, genetiko, citilogio, selekto, pomologio kaj aliaj parencaj sciencoj.

Por fari tiun vortaron pli kompleta, li bezonas kunlaboradon de eksterlandaj fakuloj.

La kompetentuloj, kiuj deziras partopreni en tiu verko, estas petataj sin turni al la suprenomita verkisto.

**UEA** **progresas denove**

dank'al konstanta unueca kunlaboro

**Varbu al ĝi membrojn de ĉiuj kategorioj !**

**Veturiloj por transporto kaj instalo de Kabloj**

Kablo-vinĉoj per-manaj aŭ motoroj — Aŭtoveturaj aerprem-instaloj — Levo-krikoj por kablo-tamburoj — Streĉo-stabloj — Enŝovo-stangaroj diversaranĝaj — Kablo-tirmufoj el zinkizita ŝtaldrat-plektaĵo — Iloj por kanalpurigo — Kablo-vindasoj — Gruoj por mastoj — Glitruliloj por kabloj en tero kaj aero — Pinĉiloj por puto-kovriloj — Ĉiuj ilaroj por kablo-konstruado.

**Maschinenbau Hafenhütte, Peter Lancier,**
**Specialfabriko por ilaro de kablo-konstruo**
MÜNSTER i. W. (Germanlando)

**STENOGRAFIO GREGG**
la plej suksesa sistemo en Britlando kaj U. Ŝ. A.
Eldonoj por la lingvoj angla, franca, germana, hispana, irlanda, itala, pola, portugala, sudafrika (kabholanda)
**Adapto al Esperanto**
Petit katalogon de
**THE GREGG PUBLISHING COMPANY, LTD.**
NEW-YORK, CHICAGO, SAN FRANCISCO, BOSTON, TORONTO, SYDNEY
**GREGG HOUSE, 51, RUSSEL SQUARE, LONDON W.C. 1**

**Ni liveras al vi ĉiun**
**Esperanto-Libron**
**je original-prezo**
Sendu viajn mendojn al la
**Libro-Servo de**
**UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO**
**1, Tour de l'Ile -- GENÈVE**

**WASHINGTON HOUSE**
**Parco Margherita 36, NAPOLI**
Tramo N° 25 de la Centra Stacidomo
Moderna Komforto, fluanta akvo varma kaj malvarma.
Aristokrata kvartalo. — Tre zorgata kuirado
Specialaj prezoj por Esperantistoj. — Hotelo, kiu reklamas en la Jarlibro de U.E.A. — Esperanto parolata.

**HOTEL EXCELSIOR**
1., Rotenturmstr. 24
**WIEN** (Aŭstrio)
*Unuaranga familia hotelo. Moderna komforto. Moderaj prezoj. Fluanta akvo, varma kaj malvarma.*
Telefono en la ĉambroj

**HOTELO CONTINENTAL**
**BUDAPEST VII,**
Dohány-utca 42-44
En la centro. 180 ĉambroj.
Moderna komforto
Luksa filmteatro. Dancejo.
Muziko. Frizejo. Moderaj prezoj
*Esperanto uzata.*

**ALBERGO SEMPIONE**
**MILANO,** via Manuzio, 11
Ĉia komforto.
Tre zorgata kuirado
Ĉambroj unulitaj ekde 10 Liroj
» dulitaj » 20 »
Plena Pensiono L. 25

**St-JAMES HOTEL**
134 Strada Santa Lucia
**La VALLETTA (Malto)**
Unuaklasa familia hotelo en la Centro de la urbo
*Moderna komforto*
Posed.: Raph. Gabaretta

**HOTELO AUSTIN**
*26, Rue d'Amsterdam,* **Paris 9.**
Ĉiu komforto. Konvenaj prezoj
Regule loĝata de esperantistoj
Urbocentro
Praktika komunikado

**HOTEL DES ETRANGERS**
*Rue Florestine*
**MONTE CARLO** (Monako)
Ĉiu komforto
Esperanto parolata

**BANKO DE MALTO**
(Bank of Malta)
Bank-operacioj de ĉiuj speco
Sidejo:
Strada Reale
**La VALLETTA (Malto)**

Tiu ĉi spaco kostas
**Svis. Fr. 5.—**
Rabato por ripeto:
3 fojoj — 5 %
6 » — 10 %
12 » — 20 %

**HOTEL ADLER**
**VADUZ** (Liĥtenstejno)
Ĉambroj depost sv. frk. 3.50
Moderna komforto

**RITZ HOTEL**
Ĉiu komforto
Moderaj prezoj
*Vasapalatset, Vasagatan 26*
**STOCKHOLM** (Svedujo)
Esperanto parolata

**HOTELO PETIT PARIS**
*49, Avenue de la Victoire*
*28, Rue de l'Angleterre*
Ĉiu komforto Moderaj prezoj
Bonega restoracio
5 min. de la stacio
**NICE (Franc.)**

**HOTELO ANHALTER HOF**
**BERLIN S.W.**
Vidalvide al la stacio
Anhalter Bahnhof
Centra situacio, tamen trankvila, moderna familia Hotelo
je ordinaraj prezoj

**STENOGRAFIO**
**STOLZE-SCHREY**
Lernolibroj por la lingvoj angla, franca, germana, hispana, itala
*kaj Esperanto*
**Eldonejo H. Bebie**
**Wetzikon (Zürich)**
**(Svislando)**

**PAGATA MATERIALO SERĈATA**
Samideanoj, kiuj partoprenis la **Dudeksepan** aŭ la **Krozadon** kaj posedas pri ĝi fotografaĵojn, dokumentojn aŭ gazeteltranĉaĵojn, estas petataj, tuj sendi ilin por starigo de plena kongresdokumentaro. Poŝt- kaj aliaj elspezoj estas repagataj.
*Adreso:* **Loka Kongresa Komitato, p.a. Esperanto-Centro Itala**
92, Gallerio Vitt.-Emanuele, 92 - **MILANO (Italujo).**

Tiu ĉi spaco kostas
**Svis. Fr. 10.—**
Rabato por ripeto:
3 fojoj — 5 %
6 » — 10 %
12 » — 20 %


L'IMPRIMEUR-GÉRANT : GRANCHAMP, 2, RUE DES USINES, ANNEMASSE. 1153-12-35.